VIIIa jaro. No 123 ★ Duonmonata ★ 20 Majo 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

**Jara abono** . . . . . . **2,00 $** (5 fr. ») 
**Lukśa eldono**. . . . . **2,50 $** (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :

**HECTOR HODLER**

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco). **20 Sd.**
**Anonceto** (1 linio : 10 vortoj) . **15 Sd.**
**Korespondado** (1 enskribo) . **20 Sd.**

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

**Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)**

## TEKSTO

*Ni ne fanfaronu*, Th. Rousseau.

**Socia Vivo :**

*Laborista kolonio*, Ed. Schauenberg.
*La faruna urbo de l'mondo*, H. Briggs.
*Unio de la internaciaj asocioj*, P. Ens.
*Lukso de la meblaro en Ameriko*, Z. W.
*Notoj. — Okazontajoj.*

**Literatura paĝo :**

*Tra la Esperanta Literaturo*, Verto.
*La Suferoj de juna Werther*, W. v. Gœthe.

**Esperantismo :**

*Oni kongresas. — Kroniko.*
*Diversajoj. — Tra la gazetaro.*

**U. E. A. :**

*Oficiala informilo. — Novaj Delegitoj.*
*Esperantia Parolejo ; Esperantia Vivo.*

**Aldono : Interŝanĝa Bulteno.**

# Ni ne fanfaronu

Kreante sian lingvon, D-ro Zamenhof estis instigata de la plej noblaj pure filantropiaj ideoj. En lia naskiĝa urbo Bjelostok, la diversrasaj loĝantoj, poloj, hebreoj, rusoj, germanoj, neamike rilatiĝis unu kun la alia. Lia juna sentema naturo estis tre impresata de tio. Jam de sia frua infaneco li promesis al si ke, kiam li estos plenaĝa, li penos forigi tiun malamon inter la gentoj. Ju pli li pripensadas, des pli li konvinkiĝas, ke la popoloj malamas unu la alian nur, ĉar ili ne komprenas sin reciproke : li do decidas ellabori internacian lingvon, kaj, por bone montri kion li celas, tiu lingvo estis nomata « Esperanto ». Tiun opinion li konservas dum la tuta vivo, kiel pruvas jenaj paroloj de li eldiritaj en la lasta Raskongreso en Londono : « La tuta problemo de la unuiĝo de la homaro kaj de la malapero de la intergenta malamo, koncentriĝos en *unu* afero, en unu *sola* afero : *Tiu afero estas : Por ĉiuj rilatoj intergentaj oni devas uzi lingvon neŭtralan, por ĉiu facile akireblan, al ĉiu plenrajte apartenantan.* » Neniu povas dubi, ke la unuaj esperantistoj varbitaj en Polujo, en Rusujo, en Svedujo, fariĝis veraj apostoloj, pli multe pro sia amo al la ideo de homa frateco, kiun kun si alportis Esperanto, ol pro sia interesiĝo en la lingvo mem.

Pretendi ke U. E. A. celas realigi la revon de D-ro Zamenhof estas neĝusta kompreno de ĝiaj principoj. La esperantistoj devus konscii, ke ili estas nur kelkaj dekmiloj da agemaj homoj, ke ili neniel havas ĉiutagajn rilatojn kun la registaroj, ke la gravaj gazetoj kiuj direktas la publikan opinion tute ne zorgas pri iliaj idealo kaj principoj, kaj plej ofte nescias ilian ekzistadon. Almenaŭ en U. E. A. ni havas, antaŭ ĉio, ĝustan konscion pri nia forto, pri nia povo : ni ĉiuokaze malŝatas fanfaronadon kaj atentas ne eliri el la kampo de la realigeblajoj.

Alia speco de esperantistoj naskiĝis en nia movado, ĉefe dum la franca periodo, post la fondo de S. f. p. E. Ili formis la partion de la *internacilingvanoj*, kiuj celas doni al la tuta homaro lingvon komunan, duan por ĉiuj, utiligeblan en la internaciaj rilatoj tute kiel telefono, fervojoj aŭ senfadena telegrafado. Por ili la tuta afero konsistas el du problemoj : trovi la plej bonan internacian lingvon kaj ĝin alprenigi de la tuta mondo. La unua problemo kondukis al la kreo de la Delegacio ; al la dua ni ŝuldas la fondon de la naciaj propagandaj societoj.

Doni al la homaro internacian komunan lingvon ankaŭ tute ne estas en la celo de U. E. A. Ĝi laboras por solvi nek la unuan problemon, serĉi la plej bonan, nek la duan, ĝin enkonduki en la tutmondan vivadon. Ni opinias, ke la penado por konstrui lingvon teorie perfektan estas plene vana. Pri ĝia facileco, taŭgas rememorigi jenan opinion de nia bedaŭrata samideano P. Berthelot : « La ĉefa malfacileco, kiun vi renkontas en la lernado de nia lingvo, ne devenas de la lingvo mem, sed de via propra lingvo kaj de la malklareco de viaj pensoj ». Ĉiuj instruistoj de Esperanto konvinkiĝis pri tio. La lernantoj devas antaŭ ĉio klare kompreni sian nacian lingvon, plene analizi sian penson por trovi la taŭgan vorton kaj sufikson. Por la elparolado estas necese, ke ili havu ĝustan aŭdadon kaj sufiĉan senton pri la ritmo kaj la takto por ekzakta uzado de la tona akcento. Por la homo, kiu kapablas tion fari, tute egale estas, ĉu nur la pronomoj, aŭ ankaŭ la substantivoj havas la akuzativon, ĉu li devos elparoli *oj, i* aŭ *os* je la plurnombro. Tiuj, kiuj ne havas la suprediritajn kapablojn, neniam povos paroli alian lingvon ol sian nacian, kiun cetere ili ĉiam nekorekte uzos..

Serĉi lingvon logikan ankaŭ vane estas. Eĉ algebra signaro ne estas logika. Gravaj matematikistoj de kelkaj jaroj klopodas por starigi logistikan vortaron, en kiu pri logikeco nenio estus kritikebla. Teorie ĝi nun ekzistas; praktike neniu volas ĝin uzi. Eĉ, plej famaj sciencistoj, kiel S-ro H. Poincaré, opinias, ke ĝi utilus por nenio. Fakte, se lingvo estas vivanta, ĉefe se ĝi estas uzata de tre diversfakaj homoj, ĝi portas en si la postsignojn de ĉiuj mallogikaĵoj de la homa spirito. Akademiaj lingvistoj povas decidi ke tion ĉi oni nomos ĉi tiel, je la nomo de la logiko; la amaso de la uzantoj tamen decidos, pro tute neatenditaj fantaziaj motivoj, ke oni ĝin nomos alie. Antaŭ ĉio la uzantoj volas lingvon fluan, klaran kaj energian. Pro tio, multaj vortoj teorie bonaj, sed malbelsonaj, estas post multjara spertado mallongigitaj kaj poluritaj; frazoj laŭregule konstruitaj, sed pezaj, estas senigitaj de la senutila balasto. Tial, ĉar ni estas konvinkitaj, ke uzado kondukos nin al malpli da logiko en nia lingvo, kaj ke nur uzado povos doni al ĝi lingvon fluparoleblan, samtempe energian kaj belsonan, ni ne penadu por enkonduki en ĝi vanan perfektecon. Ni ne imitu scienculon, kiu, demandita de veturigisto pri la distanco inter du urboj, respondus per milimetroj.

Ĉu oni povas elekti lingvon internacian, perfektan aŭ ne, kun la espero ke la tuta mondo ĝin lernos, ke la privatuloj ĝin uzos por siaj internaciaj rilatoj, ke la registaroj, la internaciaj institucioj kaj kongresoj tiaj, kiaj ili estas nuntempe organizitaj, ĝin oficiale alprenos? Senhezite ni respondas : ne. La esperantista movado estas nun sufiĉe malnova por ke ni povu de nun, anstataŭ rezoni teorie, konsulti la spertojn faritajn. Ĉiutage ni kun granda miro trovas homojn kiuj, antaŭ kvin aŭ dek jaroj lernis Esperanton kaj iomete ĝin sciis. Tiuj ĉi personoj estas sendube tre multaj. Se oni pensas pri la nombro da lernolibroj, ŝlosiloj, disdonitaj kaj venditaj, pri la nombro da kursoj faritaj, oni povos ĝin taksi je centmiloj, eble unu miliono. Kaj nun, kiom da ili uzas Esperanton? Kiom eĉ ne tute forgesis sian scion? Certe ne pli ol 25.000, sekve apenaŭ la dudekono, kiel pruvas la statistikoj. Laŭ la praktika vidpunkto de la uzado de la lingvo, la simpla instruado de Esperanto al la publiko, la disvendado de lernolibroj, donas ĝuste la samajn rezultatojn kiel la instruado de la latina lingvo en la gimnazioj.

Sed, vi diros, se ni sukcesos ke la registaroj ĝin enkonduku en la lernejojn? — Unue, vi ne sukcesos : neniam pli akre ol nun, la registaroj estas malamikaj al ĉio, kio estas internacia, speciale al iu lingvo internacia. Ĉiu el ili baraktas por pligrandigi sian influon, sian potencon, ĉiuj konsideras sian propran lingvon kiel unu el siaj plej bonaj armiloj en la konkurenco por supereco en la mondo. Neniu prudenta homo dubas ke, se iam oni sukcesus proponi en la parlamento de iu granda nacio, la oficialigon de Esperanto, tia propono estus konsiderata kiel kontraŭpatriota, kaj naskus la saman proteston kiel propono pri senarmiĝo. Kompreneble ni ne diskutas, ĉu tiu sintenado estas prava aŭ ne, ni ĝin simple konstatas.

Due, se vi sukcesus, ke la registaroj enkonduku oficiale Esperanton en la lernejojn, vi trafus ĝuste la samon kion vi atingas per la instruado de la latina lingvo. Post sufiĉe da jaroj, milionoj da homoj pli malpli bone estus lernintaj Esperanton. Sed fariĝinte laboristoj, komercistoj, oficistoj, kuracistoj, instruistoj, ili unue pensus pri la ĉiutaga vivado, pri la devoj de sia profesio. Tio, kion ni konstatas pri tiuj homoj, kiuj lernis la latinan lingvon en la gimnazioj, aŭ studis Esperanton ĉu solaj ĉu en la publikaj kursoj, okazus laŭ pli granda skalo. Ili des pli rapide forgesus la iom lernitan lingvon, ke ili ĝin lernis ne pro amo al iu idealo, sed devige. Kaj se iam ili ricevus la viziton de fremdulo scianta Esperanton, por ili tute fremda, tute ne ligata per iu solidareco interhoma, ili certe ne penus rekolekti la restaĵojn de sia scio pri la lingvo, por pli malpli bone sin komprenigi.

Ni havas la konvinkon ke lingvo povas esti vivanta t. e., uzata, nur se ĝi estas la organo de iu homgrupo, de iu vivanta organizaĵo. Latina lingvo vivis tiom longe kiom ĝi estis la lingvo de la potenta romana administracio, kaj ĝi daŭris esti ankoraŭ uzata en la mezepoko, tiom longe kiom la civilizacio restis bazita sur la romana ; sed en la komenco de la modernaj tempoj, kiam la kulturo disiĝis de la latina penso, por fariĝi nacia, ĉefe post la Reformo, la latina lingvo ĉiutage perdis sian gravecon kaj iom post iom estis anstataŭata de naciaj lingvoj. Nuntempe ĝi restas iom vivanta nur en la Katolika Eklezio, kies organo ĝi estas. Ni do kredas, ke dua lingvo por ĉiu homo estus ebla nur, se krom sia patrujo, ĉiu homo havus kvazaŭ duan patrujon (1), ne pure teorian, sed efektive administratan kaj organizatan, en kiu estus uzata ekskluzive tiu dua lingvo. Sed, tia dua patrujo por ĉiu homo neniam pli malmulte ol nun tendencas ekzisti. Pli ol iam ĉiu homo turnas la okulojn nur al sia nacio, al sia ĉefurbo. Ne nur la poetoj, ankaŭ la sciencistoj, skribas antaŭ ĉio por esti legataj de siaj samnacianoj, de kiuj ili atendas la rekompencon de sia laboro, la famon kaj komfortan situacion. Ĉu vi volas pruvon? Tralegu la kovrilon de la jus aperinta *Scienca Gazeto*, oficiala organo de Internacia Scienca Asocio. Ĉu inter tiom da famaj homoj, kiuj patronas ĝin aŭ estas en la estraro de la asocio, eĉ unu dediĉis unu el siaj eltrovaĵoj al la internacia publiko? Ĉu eĉ unu skribis en tiu gazeto originalan artikolon pri nove elstudita de li scienca fakto? Ĉu en la kunvenoj de tiu asocio eĉ la plej malgrava komunikaĵo pri scienca esploro estas farita? Se tia estas la internaciemo de homoj, kiuj oficiale sin diras Esperantistoj, kion ni devas pensi pri la aliaj, la plej multaj, kiuj estas ne amikoj al nia movado?

Ni opinias do, ke, ĝis kiam ekzistos komuna dua patrujo, aŭ por paroli pli pozitive, internaciaj organizaĵoj oficiale starigitaj, kaj sufiĉe potencaj por ke ĉiu homo havu intereson kaj emon turni al ili siajn okulojn, estus malsaĝe enkonduki oficiale internacian lingvon en la lernejojn. Nenia dubo estas ke, se oni farus tiun provan enkondukon, la praktikaj rezultatoj aperus, post kelkaj jaroj tiel malgravaj, ke kontraŭagado naskiĝus ĉie, kaj ke baldaŭ Esperanto por longa tempo malaperus el la oficialaj programoj.

Konkludi el tio, ke U. E. A. celas krei tian duan patrujon por ĉiuj homoj, forigi la landlimojn kaj labori por la starigo de iu supernacio de kiu Britujo, Germanujo, Francujo, Usono, fariĝus nur provincoj, estas konsideri ĝiajn direktantojn kiel frenezulojn, kaj ĝiajn membrojn kiel naivulojn. Certe Esperantianoj sentas pli ol aliaj homoj, la malhelpon kiun alportas en la internaciajn rilatojn, la tro ekskluzive naciaj priokupoj, kaj la intergentan malamon kaŭzitan de ŝovinismo. Sed ili scias, ke ilia opinio pezas tre malmulte en la ĝenerala movado de la ideoj. Proponi ŝanĝojn en la nuna anarkia stato de la internacia vivado, labori por federado de la tutmondaj ŝtatoj, ili lasas al la diplomatoj kaj al la pacifistoj, dezirante al ili bonan sukceson.

Pli humila estas la celo de U. E. A. sed pli praktika, pli palpebla, pli baldaŭ atingebla. Ĝi turnas sin ne al la tuta mondo, sed nur al tiuj homoj de ĉiuj nacioj, kiuj ne volas havi kiel solan horizonton la bluan linion de la landlimaj montoj; al tiuj kiuj havas emon direkti trans tiuj limoj rigardon ne akrigitan de malamo, kiuj ne vidas en ĉiu fremdulo tujan objekton por malkonfido kaj malvarma singardemo, kiuj ŝatas renkonti sur sia vojo iom da simpatio kaj helpemo. Al tiuj, ankoraŭ pli pozitivaj, kiuj deziras simple scii kien ili devas sin turni por havi informojn pri la komerca, turisma, intelekta vivado tutmonda, kiuj suferas

(1) La pruvo estas ke la plej fervoraj partianoj de la franca lingvo kiel internacia lingvo ripetas kiel argumenton la konatan parolon : « Ĉiu homo havas du patrujojn, sian propran, kaj Francujon ».

# SOCIA VIVO

LABORO

## Laborista Kolonio

Unu el la plej gravaj nunaj sociaj demandoj, kiujn starigis la rapidaj progresoj de l'industrio estas la prizorgo de loĝado por la laboristoj. De post pli ol dudek jaroj tiu demando estas studata per statistikaj notoj kaj diversaj praktikaj provoj tiamaniere, ke la bazo jam sufiĉas por ke bona solvo estu elektita. La prizorgo de loĝado, entreprenita de la industriistoj faris rapidegajn progresojn, kaj nun, komunumoj, societoj kaj eĉ la ŝtato sekvas la bonan ekzemplon. Tiamaniere la prizorgo de loĝado fariĝis unu el la plej interesplenaj kaj plej gravaj aktualajoj. Ĝi, kiu komence nur havis praktikajn kaj komercajn celojn fariĝis hodiaŭ, dank'al la progresoj de la vivmaniero kaj de la konstruado, grava kulturfaktoro. Je la progresoj de la loĝaddemando por laboristoj partoprenis speciale la akcia societo de la ferejoj kaj ŝtalejoj, antaŭe Georgo Fiŝer en Ŝafhaŭsen'o (Svisujo). En la jaro de sia fondiĝo (1896) la societo okupis 800 laboristojn kaj disponis 11 loĝdomojn kun 44 loĝejoj en Ŝafhaŭsen kaj 20 loĝdomojn unufamiliajn en Singen (Germanujo, sed tre proksime de Ŝafhaŭsen). En 1906 la nombro de la laboristoj jam atingis 2.236 kaj la societo sin vidis en la neceseco zorgi pri novaj loĝejoj.

De arĥitekturisto Werner, el Ŝafhaŭsen, estis konstruata 10 novaj loĝdomoj unufamiliaj kun 4 kaj 5 ĉambroj ĉiu kaj du duoblaj loĝdomoj po 6 loĝejoj, ĉiu po 3 ĉambroj; de l'arĥitekturisto Finus en Singen 10 loĝdomoj unufamiliaj po 4 kaj 5 ĉambroj, unu loĝdomo por 150 laboristoj needzigitaj, manĝdomo por 70 homoj ĉirkaŭe kun du loĝejoj kaj unu konsumdomo kun loĝejo. — Aparte de tio ĉi, kiel provo oni konstruis unu centran hejtilon kaj unu banejon en domaro de 5 loĝdomoj unufamiliaj en Ŝafhaŭsen. La granda loĝdomo en Singen entenas ĉambrojn po unu kaj du litoj, unu legĉambron kaj unu ludĉambron. Dum 1907 estis denove konstruataj en Ŝafhaŭsen 17 loĝdomoj unufamiliaj po 4 kaj 5 ĉambroj, 2 loĝdomoj ĉiu kun 3 loĝejoj po 4 kaj 5 ĉambroj kaj unu lavdomo kun du lavejoj. Post tri novaj jaroj, en 1910, la nombro de la laboristaro superis 3.200 en ambaŭ fabrikejoj kaj la societo decidis konstrui novajn domojn por la laboristoj.

Sur la tuta areo iom post iom povos esti konstruataj ĉirkaŭe 300 loĝejoj. Tio montras la antaŭvidemecon de la societo kaj ĝian volon konstrui laŭ difinita plano.

La pli multaj ĝis nun konstruitaj laboristaj kolonioj konsistas el izolaj domoj starigitaj laŭ ia nedefinita ordo aŭ intenco. Oni ne povas pretendi, ke tiu ĉi solvo de la problemo estas la plej bona. Ĝi havas malutilojn praktikajn kaj estetikajn. La praktikaj malutiloj konsistas el la proporcie mallarĝaj kaj neutiligeblaj spacoj inter la domoj. La homoj sin vidas reciproke tra la fenestroj. Ĉar la domoj ĝenerale ne estas grandaj kaj tri ĝis kvar muroj estas elmetataj al la ventoj, pluvo kaj neĝo, ili estas treege malvarmaj kaj la hejtado estas tre multekosta. La domo starante izole bezonas pli da tero kaj la konstruelspezoj estas pli altaj. La malutilo estetika konsistas el la malbelaj bildoj, kiujn prezentas tiaj kolonioj speciale se la arĥitekturisto volas doni specialan stilon al ĉiu domo, per kio ili pli multe similas al ekspozicio ol al kolonio.

Por la Ŝafhaŭsa kolonio oni akceptis la seridomon kiel la plej bonan solvon ĝis nun eltrovitan. Tamen ĉiu domo havos sian propran karakteron akordigeblan kun la stilkadro de la tuta grupo Tiamaniere oni evitas la malbelegan loĝkazernan stilon. Ĝis nun estas jam konstruitaj dek domoj de tiu ĉi grupo. Ĉiu loĝejo estas aranĝita laŭ la sistemo de la loĝkuirejo. De la komenco oni neniam konstruas pli ol unu etaĝon sur la teretaĝo kaj ĉiu loĝejo havas sian propran koridoron ŝloseblan. Ĉie oni tre zorgeme aranĝis la kuirejon, t. e. la loko kie la mastrino kaj eĉ la tuta familio verŝajne plejgrandaparte troviĝas dum la tago.

Tiu kuirejo estas praktikega. La problemo estas solvita en Ŝafhaŭsen laŭ la sekvanta maniero: La loĝkuirejo konsistas el la loĝparto (loĝejo) kaj la kuirparto (kuirejo). Tiu ĉi lasta, aranĝita en lumigita kaj aerigebla niĉo havas ŝtonan plankon (same la loĝejo havas lignan) kaj parton enhavantan la manĝotablon. La muroj estas pentritaj per olekoloroj. La mastrino do ne portas la tasojn, telerojn, manĝaĵojn, k. t. p. en alian ĉambron; ĝi do finas sian laboron pli rapide. Ankaŭ la aliaj ĉambroj ne estas malpurigitaj per la eniro kaj eliro por la manĝado. Kelkaj loĝejoj havas balkonon, kovritan eniron, k. t. p. dank'al kio ekzistas agrabla diverseco interna kaj ekstera en la tuta kolonio. Ĉiuj loĝoĉambroj havas pitch-pine-ajn plankojn; la dormoĉambroj, koridoroj kaj la loĝkuirejo (loĝparto) havas abiajn plankojn, de unua kvalito. La ŝtuparejo, la kuirparto de la loĝkuirejo kaj la necesejo havas plankojn el platetajoj. La necesejoj havas akvan purigadon. Ĉiu loĝejo enhavas akvon, gason kaj elektran lumadon. Al ĉiu loĝejo apartenas ĝardeno de 100-m2 ĉirkaŭe. Ekster tio oni povas lui proksimajn terpartojn tre malkarajn. En la sudorienta parto estas aranĝita ludspaco publika por la infanoj. Tie staras benkoj sub kaŝtanarboj. En la korto de la grupo staras du domoj kun ok lavejoj kaj granda spaco por sekigi la tolaĵojn estas je dispono. La areajo de la loĝejoj estas pli granda ol ĝenerale, ĝi estas 85-m2 por la loĝejoj po tri ĉambroj, 100-m2 por la loĝejoj po kvar ĉambroj kaj 115-m2 por la loĝejoj po kvin ĉambroj. Mezonombre ĉiu loĝejo kostas 3.910 Sm. kaj ĉiu m3 kostas 8 Sm. La fundamentoj konsistas el betono, la eksteraj muroj el kalkŝtonoj kaj la internaj muroj el brikoj.

Trad. Ed. Schauenberg (Del. Winterthur).

---

pro la manko da ligiloj inter la diverslandaj homoj kaj institucioj, ni provas helpi per nia servaro, per niaj delegitoj, per niaj eldonaĵoj.

Por atingi tiun celon ni uzas Esperanton; nur per ĝi povas interrilati niaj membroj, niaj Delegitoj kaj nia Komitato. Por tiu tasko nia lingvo sin montris de kvar jaroj plene taŭga, kaj ni ne timas diri ke, centfoje pli ol io ajn, U. E. A. sukcesis doni forton al la Esperantista movado; ke multe pli ol la fideleco al la Fundamento, la neceseco esti ĉiuloke, ĉiutempe kaj internacie komprenataj en la tuta radaro de nia organizaĵo, konservas la unuecon de Esperanto, ke pli bone ol ĉiuj teoriaj akademiaj decidoj, tiu intensa kaj ekskluziva uzado de nia lingvo inter diverslingvanoj kaj diversfakanoj, ĝin pli perfektigis kaj daŭre pliriĉigis, laŭ praktika vidpunkto.

Resume, U. E. A. ne havas la utopian celon kaj pretendemon alporti al la homaro internacian lingvon, ĉu kiel pure ekonomian internacian interkomprenigilon, ĉu kiel peranton de tutmonda frateco. Ĝi laboras nur por siaj membroj. Kiom estos iam tiuj membroj? Ĉu dekmiloj, ĉu centmiloj, ĉu milionoj, ĉu nur centoj? Pri tio ni ne tro zorgu. Certe ĉiuj bonvoluloj estus ĝoje akceptataj en nia anaro; sed nia devo ne estas proponi nian idealon kaj niajn servojn al tiuj, kiuj ne bezonas, aŭ ne volas ilin: nia devo, nia nepra devo estas plenumi niajn promesojn al ĉiuj, kiuj venis al ni, kaj zorgi ke ili trovu en nia Asocio la helpemon, la solidarecon kaj la regulan funkciadon de nia servaro, kiujn ili rajtas.

Th. Rousseau.

INDUSTRIO

## La Faruna urbo de la mondo

La urbo Minneapolis kiu havis laŭ la denombrado dum 1910, loĝantaron de 301,408, estas la metropolo de la granda ŝtato Minnesota, la Nordstela Ŝtato de Usono. St. Paul, la ĉefurbo, apudkuŝas kaj la du urboj estas kutime nomataj la « Dunaskitaj Urboj », kvankam la loĝantaro de St. Paul (en 1910) estis 214,744, ne pligrandiĝinte tiel rapide kiel Minneapolis. La du urboj efektive formas unu urbegon kaj estas kunigitaj de kvar linioj de elektraj tramoj, krom dek fervojaj sistemoj. Minneapolis estas la komerca centro de granda distrikto de 980,835,000 kvadrataj kilometroj enhavanta la ŝtatojn Minnesota, Nordan kaj Sudan Dakota kaj Montana. En tiu ĉi distrikto kreskas la fama printempa tritiko (printempe semita) kies muelado en farunon postulas, kelkcentojn da muelejoj. Tiu ĉi distrikto estas preskaŭ tute terkulturebla, kvankam la arbaroj de Norda Minnesota produktas grandajn kvantojn da ligno kaj la ferminoj en la sama loko ĉiujare sendas ŝipe suden laŭ la grandaj lagoj grandegajn kvantojn da ferminajo.

Oni konas la ŝtaton kiel la pan-kaj buterŝtaton ĉar ĝi superpasas la aliajn ŝtatojn pri la produktado de tritika faruno kaj laktajoj. Sekvante tiun en valoro venas hordeo, aveno, terpomoj kaj lino. Ekzistas en la urbo Minneapolis 23 farunmuelejoj havantaj entute kapablon fari 88,000 barelojn da faruno po tago (unu barelo egalvaloras 196 funtojn aŭ 87,79 kilogramojn). Inter ili estas la plej granda muelejo de la mondo, kiu unufoje estas farinta dum unu tago 16,113 barelojn da faruno. En unu jaro la plej granda kvanto produktita estis 16,260,105 bareloj (1,426,384,618 kg.) en 1902. La altvalora kvalito de printempa tritik-faruno estas konservita per muelprovadoj de tritikspecimemoj kaj ĉiutagaj laborejaj provoj de farunoj ĉu per bakado ĉu per ĥemiaj analizoj. La muelarto en Usono venis al sia plej alta grado de disvolvado en tiu ĉi urbo. La urbo ankaŭ estas la ĉefa de la mondo pri la manufakturo de linoleo kaj linsemaĵo.

La kondiĉoj por entreprenemaj kaj ŝparemaj terkulturistoj en Minnesota estas favoraj. La ŝtato subtenas oficejon por enmigrantoj. La altan karakteron de la civitanoj la ŝtato ŝuldas multe al la inteligenteco de siaj skandinavaj kaj germanaj loĝantoj. Du kvinonoj de la loĝantaro de Minneapolis estas skandinavaj kaj unu kvinono germana, aliaj nacioj havas multajn reprezentantojn tra la ŝtato. En la urbeto New Prague (Nov Prago), granda proporcio de la loĝantaro estas bohema.

La klimato de Minnesota estas tre saniga kaj la fakto, ke la vintroj estas malvarmaj kaj ke degelado dum la tuta vintra sezono estas preskaŭ nekonata, faras la klimaton preferinda ol pli sudaj ŝtatoj, kie la vintro estas longa serio de neĝo, ŝlimo, kaj ofte pluvo. La someroj estas varmaj sed kutime ne malagrablaj.

La ŝtato ricevis sian nomon de Indiana vorto kiu signifas « lando de ĉielkolorita akvo ». Estas pli ol 10.000 lagoj kaj lagetoj en la ŝtato ; ĝi tial estas paradizo por fiŝkaptistoj. La urbo Minneapolis havas dektri lagetojn, kiuj estas la centro de sistemo de belaj parkoj kaj bulvardoj. La larĝaj bulvardoj estas ŝatataj de la posedantoj de pli ol 8,000 aŭtomobiloj, krom la aliaj specoj de veturiloj. Ĉiu-somertago trovas milojn da vizitantoj apud la faloj de Minnehaha, famigitaj de la poeto Longfellow kaj aliajn milojn, kiuj aŭskultas la koncertojn en la aliaj parkoj.

La edukada sistemo de Minnesoto estas tre bona kaj ĉiu infano inter la aĝoj ses kaj dekses devas vizitadi la lernejon. La ŝtata Universitato de Minneapolis havas 4.000 studentojn. Kiel parto de la ŝtata universitato estas granda terkultura kolegio. Ĉiuj tiuj ĉi edukadaj institucioj estas subtenataj de la ŝtato senkoste por la studentoj, la kosto estas pagata parte de la imposto de minaj kaj arbaraj landoj aŭ de la vendoj de novaj terkulturaj landoj. La novalveninto povas aĉeti de la ŝtato bonajn terkultureblajn landojn po kvin ĝis dek dolaroj por unu akro (dek ĝis dudek Sm. por 40,467 hektaro). Dudek ses fervojoj kovras per reto la ŝtaton.

Minnesota bone akceptas kaj deziras helpi la enmigradon de inteligentaj fremduloj kaj la pritraktanto ĝoje respondos ĉiujn demandojn pri la ŝtato.

Charles H. Briggs, (Del. Minneapolis).

IDEOJ & FAKTOJ

## Unio de la Internaciaj Asocioj

En Bruselo la 16-an kaj 19-an de Aprilo okazis gravaj kaj interesaj kunvenoj de la Unio de la Internaciaj Asocioj (1).

S-ro Bernaert, ŝtata ministro, prezidis, helpata de la tri sekretarioj S-roj Otlet, La Fontaine kaj Van Overbergh.

Aŭdante la malferman paroladon de la maljuna sed vigla prezidanto, la multnombraj ĉeestantoj plezure konstatas, ke la internaciaj ideoj kaj entreprenoj ĉiutage pligrandiĝas kaj plivastiĝas. La raporto de S-ro Otlet sciigas nin, ke 172 internaciaj asocioj havas konstantan komitaton ; Bruselo estas la ĉarma sidejo de pli ol 50 el ili ; en tiu ĉi urbo ankaŭ troviĝas la Centra Oficejo kiu kunvenigis la delegitojn. En 1910, 85 internaciaj kongresoj okazis en Belgujo kaj 132 internaciaj asocioj sendis delegitojn en la unuan universalan kongreson de Bruselo.

Laŭ la regularo la dua kongreso de la Unio de la internaciaj Asocioj okazos en 1913, kaj, tial ke la Amerikanoj pro la ekspozicio en San Francisko ne estos pretaj, oni decidas ke en Gento, la rava flandra urbo, okazu la estonta universala kongreso.

Do por prepari tiun duan ĝeneralan kunsidon, oni devas kunlabori kaj kunordigi ĉiujn laborojn.

Dum la unua kongreso oni elektis ses komisionojn kiuj, pro diversaj kialoj, preskaŭ nenion efektivigis. Tial oni decidas ke tiuj komisionoj estu konstantaj kaj oni elektas la prezidantojn kaj vic-prezidantojn.

1· Komisiono de la Kunlaboro kaj de la komunaj entreprenoj : Pr. Roland Bonaparte kaj Van Overbergh.

2· Komisiono de la reguligado kaj de la leĝigo : Pr. Beernaert kaj Culet.

3· Komisiono de la sistemoj de unuoj : Pr. Ostwald kaj Guillaume.

4· Komisiono de l'interna organizo de la Asocioj kaj kongresoj : Pr. Bartlett kaj Lange.

5· Komisiono de la dokumentado kaj de la eldonajoj : Pr. Sebert kaj Solvay.

6· Komitato de la lingvo scienca kaj teknika : Pr. (ne elektita).

Tiuj komisionoj enhavas prezidanton, vic-prezidanton, sekretarion kaj membrojn. La membroj estas aŭ pli bone estos la delegitoj elektitaj kaj rajtigitaj de ĉiu internacia Asocio, kiu do devas elekti delegiton la plej kompetentan por la komisiono kiu koncernas ĝian agadon. Laŭ la bezonoj en ĉiu komisiono oni povas krei subkomisionojn por specialigi la laborojn ; ekzemple pri la internaciaj lingvoj, kiuj elvokis varman diskutadon kaj atenton, oni rapide kreis du grupojn, la unuan por la vivantaj lingvoj kun S-ro Wilmotte kiel prezidanto, la duan por artefaritaj lingvoj kies prezidanto estos elektata de la estontaj delegitoj de la internaciaj asocioj.

Por daŭrigi la laboron de la unua kongreso kaj prepari la taskojn de la estonta, tiuj komisionoj devos esplori ĉiujn

(1) U. E. A. estis reprezentata de S-ro Philippe Eus, la aŭtoro de ĉi tiu artikolo.

problemojn jam diskutitajn en 1910 ; ili helpos la Centran Oficejon por organizi la duan kongreson, kiu estos dividata en ses partoj, kiel la supre diritaj komisionoj; ili preparos la raportojn kaj la antaŭprojektojn petitajn jam de la lasta kongreso ; ili kune ellaboros la alcentrigon de la deziroj kaj decidoj de la internaciaj kongresoj.

La aliaj plej gravaj de la ĉeestantaro voĉdonitaj kaj akceptitaj deziroj celas la civilan personigon kaj la idealan buĝeton de la internaciaj asocioj ; ĉar la nuna leĝa vesto ne plu taŭgas por internacia organismo, la kunveno laŭ la propono de S-ro Otlet petas, ke ĉiu asocio kalkulu sian propran kaj idealan buĝeton, kaj laŭ la propono de S-ro Van Overbergh ĉiu internacia asocio devus aŭ devas delegi sian plej kompetentan juriston por kune ellabori projekton de civila personigo.

S-ro Ostwald parolis germane pri la unuigo de la mezuroj.

S-ro Ledoux el Boston tre interese parolis pri internacia projekto de urbo internacia. Jam de ok jaroj franca arĥitekturisto, S-ro Helvard, verkas tiun mirindan kaj grandegan planon ; li realigis (sur la papero !) la revon de la sveda S-ro Johannssen Tiu estonta urbo estus tute internacia ; ĉia nacio trovus tie sian palacon ; ĉiuj religioj, ĉiuj sportoj, ĉiuj sciencoj kaj artoj estus rave kaj varme loĝataj, kaj la Centra Oficejo havus sidejon en la plej bela kaj alta turo de la mondo ! Bedaŭrinde la aŭtoroj kiuj jam elspezis pli ol 100.000 da Sm. ne ankoraŭ scias kie kaj kiel oni povus efektivigi tiun sonĝon.

Tre interesa ankaŭ la vizito de la internacia muzeo ; la delegitoj gvidataj kaj klarigataj de S-roj Otlet kaj La Fontaine promenadas en multnombraj salonoj ; ĉie prezidas la internacia ideo kaj ĉiuj asociaj alportis pruvojn de sia vivado : fervojoj, terkulturo, financoj, sciencoj, leĝoj, fotografoj, alkoholismo, libroj, k. t. p. La esperantista flago ĝojigas la salonon de la internaciaj lingvoj kie Esperanto brilas kaj triumfas.

Sed la laboremaj komitatanoj de la Centra Oficejo deziras enigi sian laboramon en ĉiujn delegitojn. Nun, la Unio de la Internaciaj Asocioj estas riĉa kaj povas antaŭeniri. Ĉiujare ĝi ricevos 30.000 Sm., de la « Carnegie Endowment for International Peace ». Baldaŭ la tempo venos kiam la malfeliĉaj milionuloj, la manoj plenaj de monpapero, serĉos vane internaciajn asociojn por helpi kaj vivigi ilin ! Atendante oni devas alvoki kaj allogi la bonfarantojn por la internaciaj asocioj.

Dank'al la helpo de Carnegie kaj de la Belga ŝtato, kiuj alportis spesmilojn kaj lokojn, oni alcentrigis la kolektojn de la internaciaj asocioj en centra biblioteko, kie ĉiu asocio konservas sian propran vivon. La Instituto internacia de bibliografio kunigis kaj kunordigis 11.000.000 da paĝetoj dokumentitaj. La Centra Oficejo organizis la internacian kaj konstantan muzeon. Ĉi eldonas ĉiujare ĝenerale noticon, Jarlibron de la internacia vivo, aktojn de la universala kongreso, ĝeneralan leĝaron de la deziroj kaj decidoj de la internaciaj kongresoj kaj fine ĉiumonatan revuon sen aŭtorrajto « La Internacia vivo ». Ĉiuj tiuj presajoj estos senpage sendataj al ĉiuj internaciaj asocioj kaj al la centraj bibliotekoj de ĉiuj nacioj ; sed la asocioj estas petataj ke ili sendu al la Centra Oficejo sian asocian revuon, jarlibron, jurnalojn, k. t. p.

La lundon vespere kaj la mardon tagmeze la delegitoj estas akceptitaj kaj ĉarme regalitaj de la Centra Oficejo. En tiuj ĉi festenaj kaj laboraj kunvenoj ni plezure retrovis niajn samideanojn S-rojn Boirac, Chavet, Jacobs kaj kelkajn amikojn de la okaza delegito de U. E. A.

Philippe Ens (Bruselo).

## Lukso de meblaro en Ameriko

Angla skribisto iam diris : Se la kompatinda miliardulo ne plu scias kion fari kun sia mono, li povas facile elspezi kelkajn milionojn por mebligi siajn domojn kaj palacojn. Okaze de la drono de la ŝipego Titanic oni denove aŭdis pri la granda lukso kiun ĉi tiuj milionuloj ĝuas. La mortinta milionulo Yerkes ekz. havis en la 5-a strato de New-York palacon, kies konstruelspezoj estis 6 milionoj Sm. Nur la mebligo kostis la sumon da 4 milionoj. Tio estas klarigebla, se oni ekscias, ke unu sola dormoĉambro postulis la malgrandan sumon da 600.000 Sm. kaj ke S-ino Yerkes dormis en lito valora 20.000 Sm. Unu sola malgranda tapiŝo el silko de ĉi tiu ĉambro estis poste pagata en aŭkcio 71.000 Sm. Tamen ĉi tiu tapiŝo tute ne estas la plej multekosta. Alia Amerikano, S-ro Conger, kiu dum la milito en Ĥinujo estis amerika ambasadoro en Peking, vendis antaŭ nelonge forntapiŝon je 94.000 Sm., kiun li estis aĉetinta por 180 Sm. La ŝaho de Persujo posedas tapiŝon grandan nur je 2 kvadratmetroj, kiu estas tiel superŝutata de perleroj kaj diamantoj, ke ĝia valoro estas taksata je 5 milionoj da Sm. En malnovaj kasteloj de Eŭropo ankoraŭ troviĝas multe da altvaloraj mebloj, kiuj ĝenerale, se ili fariĝas vendeblaj iras al la miliona lando Ameriko. Kiam oni aŭkciis la artaĵojn de la duko de Hamilton, kiuj entute atingis la sumon da 4 milionoj da Sm., unu tablo reprezentis la valoron da 60.000 Sm. kaj la seĝoj je nombro da ses atingis la sumon da 200.000 Sm. Ofte ĉi tiuj prezoj ankoraŭ altiĝas pro la historia valoro, kiun ili havas.

Kiel ekzemplon de la lukso, kun kiu estas aranĝataj la loĝejoj de la amerikaj milionuloj, oni povas citi la palacon de la senatano Clark en New-York. Ĉe li unu sola turka ĉambro kostis ĉirkaŭe 400.000 Sm. Ĉiu sofo reprezentas valoron da 20.000 Sm. kaj ĉiu seĝo same. Persa tapiŝo kun belega, per rubenoj, turkisoj kaj aliaj alteprezaj ŝtonoj ornamita desegnaĵo, havas valoron da 80.000 Sm. kaj la artaĵoj kaj muraj lignaĵoj estas ne tro alte pagitaj per duono da miliono Sm. Alia milionulo posedas dormoĉambron en valoro da 2 milionoj da Sm. Sole lia lito reprezentas valoron da 380.000 Sm. La seĝoj estas el eburo kun oro. Same riĉe estas aranĝitaj la palacoj de ĉiuj tiel konataj milionuloj. La manĝilaro de la jus mortinta J. Astor estis el pura oro en la valoro da 80.000 Sm. Sed la plej valoraj artaĵoj estas sendube en la manoj de Pierpont Morgan. Unu tableto reprezentas valoron da 750.000 Sm. ; por arĝenta manĝilaro li pagis la sumon da 100.000 Sm. Tute ne estas taksebla la valoro de la pentraĵoj, skulptaĵoj kaj aliaj artaĵoj, kiujn li kolektis aŭ kolektigis dum sia vivo. Ili sole reprezentas milionojn.

El. Die Weltpost, trad. Z. W.

# NOTOJ

∴ *Milit. kaj pacmuzeo.* — La internacia milit. kaj pacmuzeo en Luzern estis malfermata la 1-an de aprilo por la sezono 1912. Ĝi estas ĉiutage malfermata depost la 8-a, dimanĉe depost la 10,30 antaŭtagmeze.

∴ *Gabelsberger'a stenografio.* — Laŭ la lasta jarlibro de tiu stenografia skolo, ekzistas 2.538 germanaj grupoj kun 112.843 grupanoj kaj 150 negermanaj grupoj kun 9.172 anoj, do entute 2.688 grupoj kun 122.015 anoj.

Lastjare la tuta sumo de la instruitoj atingis 191.704, en 3.696 lernejoj.

∴ *La prezo de la paco kun armado.* — La regula pligrandigo de militaj elspezoj en ĉiuj landoj, sen ebleco antaŭvidi limigon daŭras. Anglujo konservas ĉiam la unuan rangon pri la ŝipelspezoj.

Tamen la pligrandiĝo de ĝia milita ŝiparo estas malsupera rilate al tiu de aliaj landoj, kaj en malbona rilato kun ĝia ekstera komerco.

La anglaj ŝipelspezoj pliiĝis de 27 0/0 de dek jaroj. En Germanujo 119 0/0, Usono, 74 0/0, Italujo, 73 0/0. Anglujo elspezas tamen multe pli por sia ŝiparo ol aliaj landoj. Dum 1911, Anglujo elspezis por sia ŝiparo 448.620.470 Sm. (Usono 278.841.110; Germanujo 223.178.800).

Anglujo donas dum 1911 30,5 0/0 de la tuta buĝeto por ŝiparoj (en la ok grandaj landoj 37,3 0/0 dum 1902).

Dum 1909-10 la militaj elspezoj estis (ŝiparo kaj armeo) en Germanujo 712.490.000 Sm. en Anglujo 630.450.000 Sm. — Q. R.

∴ *Gazeto parolata.* — Depost duonjaro la New-Jorkanoj posedas telefonan gazeton. La entrepreno akceptita komence kun moko kaj malkonfido, la « Telephone Herald » ĉe la publiko proporcie rapide sin altrudis. Jam post malmultaj semajnoj la gazeto havis 2.500 abonantojn kiuj pagis pomonate 3 Sm. La redaktejo apenaŭ diferencas de aliaj gazetredaktejoj ; anstataŭ presejo ĝi havas simplan ĉambron kie staras telefona aparato de aparta konstruo, kiu severe estas kaŝata. Ĉar per tiu aparato oni povas paroli nur en unu direkto, nur la redaktejo kapablas, kaj la abonanto, kiu hejme apogita en balancoseĝo aŭskultas kun la aŭdilo ĉe la orelo la plej novajn sciigojn, ne povas fari demandojn aŭ peti la redaktoron ke li ripetu novaĵon malbone komprenitan. La gazeto ellaboris precizan tagprogramon, por ke la abonanto nur tiam bezonu preni la aŭdilon, se estas transigotaj sciigoj por li speciale interesaj. Precize je la oka matene oni donas la ĝustan tempon astronomian. De la oka ĝis la naŭa oni legas la novajn veterprognozojn, la alvenintajn noktotelegramojn, la notojn de la Borso Londona kaj la novaĵojn aparte interesajn de la gazetoj. De la 9-a ĝis 3/4 10-a horo la aŭdilo apartenas al la mastrino : Disvendoj, plezuraĵoj, societaj okazintaĵoj 9 h. 45 ĝis la 10-a : Personaj kaj malgrandaj notoj. 10-a ĝis 11 h. 30 New-Jorkaj borsokurzoj kaj foirraportoj. 1/2 12 ĝis la 12-a : Lokaj novaĵoj kaj miksaĵo. Je la 12-a., oni denove donas precizan astronomian tempon kaj ĝis 1/2 1 sekvas la telegramoj plej novaj, militaj, ŝiparaj kaj parlamentai raportoj 1/2 1-a : Kurzoj de la tagmeza Borso New-Jorka. De 1-a. 2-a. oni koncize ripetas la novaĵojn plej interesajn de la tuta antaŭtagmezo. 2-a 2,15. Plej novaj kablotelegramoj de Eŭropo, 2,15-2,30. Miksaĵo el Washington. 2,30-2,45 Modonovaĵoj kaj avizoj por la mastrino. 2,45-3,15 : Sciigoj pri sporto kaj teatro 3,15-3,30 : Finkurzoj de la Borso New-Jorka. 3,30-5-a. : Avizoj pri muziko kaj paroladoj. 5-a-6-a : Felietono : oni laute legas skizojn, novelojn poemojn kaj fabelojn por la infanoj. Vespere je la 8-a. ĝis 1/2 11 la abonanto povas ĝui distingan vesperdistraĵon, la aŭdilo perigas al li kamer-muzikon, kantaĵojn, recitaĵojn, sololudojn de violono kaj violonĉelo, ariojn kaj duetojn el operoj konataj. La redaktistoj aŭ pli bone parolistoj, kiuj perigas la sciigojn estas perfektigitaj kiel recitadartistoj. Ilia deĵoro estas malfacila, ili parolas nur 15 minutojn kaj tiam estas anstataŭataj por trikvaronhoro. — El *Berliner Volkszeitung*.

## OKAZONTAĴOJ

*Majo*

(14-28). — Internacia ekspozicio pri asekurado kaj kontraŭ brulaj rimedoj en *Peterburgo*.

(25-28). — Internacia gimnastikkonkurso en *Charleville*.

(26-28). — Dudekkvina internacia kongreso de novfilologoj en *Frankfurt-a-M*.

(26-28). — Internacia konkurso de muziko en *Parizo*.

*Junio*

Internacia kongreso de artistoj en *Parizo*.

(4). — Konferenco por senfadena telegrafado en *Londono*.

(4-11). — Dekoka konferenco de Kristana Unuiĝo de Junaj Viroj en *Helsingfors*.

(11-13). — Polica ekspozicio en *Scheveningen*.

(15). — Dua internacia konferenco por la unuecigo de la kambijuro en *Hago*.

(16). — Internacia konkurso de hipismo en *Lisbono*.

(16-20). — Unua universala kongreso de la naciecoj en *Paris*.

(24-27). — Dudeksepa ĝenerala kongreso pri oficiala prizorgo kaj edukado en *Dresden*.

(18-1 julio). — Sesa federacia festo de Sokoloj en *Praha*.

*Julio*

(16-22). — Tridekdua federala kant-festo en *Neuchâtel*.

(12-10 aŭg.). — Sesa internacia kurso de komerca disvastiĝo en *Antverpeno*.

*Aŭgusto*

(22-28). — Internacia matematika kongreso en *Cambridge*.

(6-11). — Deksepa internacia kongreso de medicino en *Londono*

(12). — Kongreso pri artindustrio, desegnado kaj aplikita arto en *Dresden*.

(19-20). — Konkurso de muziko en *La Rochelle*.

(22-27). — Dua internacia kongreso por morala edukado en *Hago*.

(26-31). — Deknaŭa internacia kongreso de Paco en *Genève*.

*Septembro*

Sesa kongreso de la internacia Asocio por la provoj de konstruaj materialoj en *Washington*.

Dekoka internacia kongreso de la Amerikanistoj en *Hago*.

Internacia kongreso de antropologio en *Ĝenevo*.

Internacia interparlamenta konferenco en *Ĝenevo*.

(1-6). — Internacia kongreso de liberpenso en *München*.

(4). — Sesa internacia Maria'ana kongreso en *Trier*.

(6-13). — Internacia kongreso de aplikita ĥemio en *Wasington* kaj *New-York*.

(9-12). — Internacia kongreso por la historio de la religioj en *Leiden* (Nederlando).

(10-12). — Sepa ĝenerala kunveno de la internacia unuiĝo por leĝa laborista protektado en *Zürich*.

(12-15). — Dudektria Eŭkaristia kongreso en *Vieno*.

(22-29). — Internacia kongreso de higieno kaj demografio en *Wasington*.

(24-28). — Internacia kongreso de la komercaj ĉambroj en *Boston*.

*Oktobro*

(8). — Internacia diplomatia konferenco pri la internaciaj ekspozicioj en *Berlino*.

(16-21). — Internacia kongreso de la historio de arto en *Romo*.

(17-21). — Balneologia kongreso en *Meran*.

*Dum la jaro :*

*Aprilo-Septembro.* — Bavara metia ekspozicio en *München*.

*Majo-Oktobro.* — Angla-Latina ekspozicio en *Londono*.

*Majo-Oktobro.* — Internacia ekspozicio en *Dunkerque*.

*Majo-Oktobro.* — Arta ekspozicio de pentraĵoj kaj skulptaĵoj en *Dresdeno*.

*Majo-Junio.* — Internacia ekspozicio pri lernejoj kaj instruado en *Peterburgo*.

*Junio-Julio.* — Internacia ekspozicio pri sporto kaj industrio en *Varsovio*.

*Korektoj :*

Ekspozicio pri aplikita elektro en *Hago* estas prokrastita.

C. O. de U. E. A.

# ○ LITERATURA PAĜO ○

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*H. A. Luyken.* — **Paŭlo Debenham**, romano originale verkita en Esperanto. — Univ. Esperantia librejo. 227 paĝoj. — Prezo : Sm. 1.

Jen unu el la plej gravaj, eĉ el la plej bonaj prozaj verkoj de nia originala literaturo. Sinjoro H. A. Luyken estas vera verkisto, kiu scipovis elekti altspiritan temon, konduki ĝisfine kortuŝan nevulgaran intrigon, vivigi interesajn kaj diverstipajn personaĵojn, diskrete priskribi pejzaĝojn, lokojn, mediojn laŭ iliaj rilatoj kun la variaj elementoj de l'romano.

S-ro Luyken antaŭe tradukis el la angla lingvo la *Praktiko de la Apudesto de Dio*, de frato Laŭrenco. Per tia traduko li fleksebligis kaj riĉigis sian stilon kaj sin preparis por la originala verkado. Sed el la elekto de tia tradukota materialo oni povas konkludi pri la direkto de liaj pensoj kaj celoj. Li estas religiema « pietista ». Tial li enkondukas la leganton en tiujn anglajn anarojn, kiuj fervorege « misiadas » ĉu enlande ĉu eksterlande. Kompreneble la personaĵoj, kiuj probatalas la idealojn de l'aŭtoro (ekz. Paŭlo Debenham, Vera Rossini, Helmsley) estas honestuloj, sanktuloj, geniuloj. Male la senkreduloj, liberpensuloj estas malhonestaj, kanajlaj. Ĉu tiu partiemeco estas justa ? En la fino de l'romano la skeptikuloj konvertiĝas pli malpli plene kaj rapide la Graco malsupreniĝas sur ilin. Laŭdo estu al Dio !

La rakonto allogas per la vivanteco de la ĉefaj personoj, per la lerta disvolvo de pli kaj pli drameca agado kaj per la flueco de bona esperanta stilo.

Multaj lokoj estas citindaj : la sekvanta bone elmontros (ŝajnas al mi) la lertecon de l'rakontisto kaj la viglecon de l'rakonto :

P. Debenham, dezirante savi Veran el la manoj de rusa policagentino, falas en kaptejon.

« Li eniris. Sed antaŭ ol li povis ĉirkaŭrigardi, li estis manpremegita de tri potencaj policanoj, kiuj sin ĵetis sur lin de malantaŭ la malfermita pordo. Du el ili ekprenis liajn manradikojn, dum la tria ĉirkaŭpremis lian kolon. La maldekstra mano de Paŭlo teniĝis kvazaŭ en ŝraŭbtenilego, sed uzante ĉiujn siajn fortojn, li sukcesis fortiregi la dekstran manon el la tenego de malpli lerta kaptisto. Ekmanpremante lin ĉe la gorĝo, li forte ĵetis lin teren. Falante la viro ektuŝegis lavotablon, kiu bruege renversiĝis. Sed la etendita brako estis tuje malliberigita de la policano, kiu unue penis premsufoki lin. La terenigita ĝendarmo salte leviĝis, eldirante ion, kio sonis kiel malbeno kaj, eltirante sian sabron, li furioze estus sin ĵetinta kontraŭ Paŭlo (n), se ne la du ceteraj viroj estus ekkriintaj al li deteni sin. Paŭlo nun vidante, ke plua kontraŭstarego estas senutila, ĉesis batali, sed laŭte protestis, unue angle kaj poste france, kontraŭ tiu nepravigebla, malkuraĝa atako. Ĉia protestado estis same senutila. La ĝendarmoj tute ne atentis ĝin, kaj tion, kion ili diris ruse, Paŭlo ne komprenis. Post malpli ol du minutoj li troviĝis mankatenita kaj kruroligita, kun tuketo firme surligita sur lia buŝo, kaj ĵetita, sur lito (n) en angulo de la ĉambro. Tie liaj atakintoj lasis lin, meditanta pri la ŝanĝigemeco de la sorto kaj demandanta al si, kio okazos poste ». (p. 216).

Kvankam la romano celas propagandi religiajn ideojn, ne Esperanton, tamen kelkaj personoj (Vera Rossini, D-ro Orlor, la « grafino » Marakhov) estas Esperantistoj kaj uzas Esperanton ĉu por altanimaj celoj ĉu por policaj elserĉadoj. Aliaj eklernas Esperanton aŭ ili aŭdis pri ĝi.

Dufoje traleginte la libron mi notis tridekon da preseraroj kaj kelkajn malkorektaĵojn, ekz. ĉiuj (la) milionoj (p. 23), interes(iĝ)os (46), impres(iĝ)i (194), krom malĝojo (n) 141), krom ŝipopereo (n) (188), dume (dum) (156), senpove movi (ne povante movi) (218).....

La signifo de kelkaj vortoj estas duba aŭ neĝusta, ekz. *festeno* (festo), *riverenco* (respektego), *cinike* (199), *emfazi* (192), *realigi* (211, 221, 222).

Mi tute malaprobas la sekvantajn radikojn : prelegantoj (45), persvadi (85), ataŝo (190, 192...), reglementoj (192), lektoro (45), servico (213), perturbi (173, 181, 209.....) Per tiaj vortoj oni tiel supersatigos nian lingvon, ke ĝi mortos de maldigesto.

Tiuj makuloj ne malhelpos, ke mi difinos honoran lokon al tiu libro sur miaj poresperantaj bretoj.

**Fabiola**, *rakonto pri la Katakomboj, de Kardinala Wiseman, trad. E. Ramo.* — Dika vol. in-8, 427 paĝoj. Prezo : Sm. 1,40 (Universala Esperantia Librejo).

Tiu pia romano pri la moroj de la Roma societo kaj pli speciale de la Kristanoj je la fino de la IV jarcento — aperis la unuan fojon en la jaro 1854. Ĝia sukceso estis grandega; multobliĝis la eldonoj, multobliĝis ankaŭ la tradukoj. Ĝis nun mankis traduko esperanta. Tiun gravan laboron prenis sur sin la tre konata tradukintino, kiu, sub la pseŭdonimo E. Ramo, jam aperigis la beletajn volumojn *Eĉ en doloro ni estu ĝojaj, en Svislando*, k. a. Mi ne volas ĉi tie resumi la temon de tiu longa rakonto nek detale recenzi la stilon. Mi preferas meti antaŭ la okulojn de la legantoj la sekvantan priskribon de monato oktobro en Italujo :

En Italujo, oktobro estas certe mirinda monato.

La suno perdis iom de sia varmego, sed konservis sian tutan lumecon. Ĝiaj radioj ne plu ardas, sed ne jam paliĝis ĝia brilo. Leviĝante, ĝi dissprucigas sur la vekiĝantan naturon orajn fajrerojn same kiel Hinda princo alpaŝanta al la tronsalono disĵetas sur la popolamason plenmanojn da gemoj kaj oro.

En tiu frumatena horo la rokaj montsuproj kvazaŭ altiĝas kaj la arbaroj ektremetas pro avido ricevi la unuajn reĝajn donacojn de la lumo.

Kiam post sia glora irado tra la sennuba ĉielo la fajra astro kliniĝas en la fluida oro de la horizonto, super la okcidenta maro, fajrefranĝitaj, purpuraj nubetoj surŝvebas la subirantan estron, akompanantaj lin per briloj pli blindigaj ol la trezoroj senditaj de Ofir al la glora Salomono... (p. 98).

**Portreto**, *rakonto de N. V. Gogol, tradukis D-ro Andrea Fiŝer.* Presa esperantista societo. Prezo : Sm. 0.50.

Tiun novan floron almetis la nelacigebla D-ro Fiŝer al la jam dika bukedo de siaj esperantaj verkoj. Tre interesa estas la rakonto de Gogol. Ĝi konsistas el du partoj. Ĉu mi konfesu, ke mi preferas la unuan? Jen estas ĝia temo.

Talenta malriĉa pentristo aĉetis malkare en pentrajvendejo eksterordinaran portreton, kies okuloj lin kvazaŭ ensorĉas kaj inkubas. En la kadro de tiu portreto li trovas grandan sumon, per kiu li farigas al si jurnalreklamon, aranĝas luksan laborejon, vizitas la elegantulojn kaj nobelojn, akiras fifamon kaj riĉecon; sed baldaŭ li perdas sian artemon kaj puran malegoistan talenton. Eĉ li fariĝas enviema, li ĵaluzas la aliajn pentrartistojn, uzas sian monon por aĉeti ĉefverkojn, kiujn li sovaĝe detruas. Fine li mortaĉas en terura frenezeksplodo :

Ĉiuj homoj, ĉirkaŭantaj lian liton, ŝajnis al li timegigaj portretoj. La portreto duobliĝis, kvarobliĝis en liaj okuloj : ĉiuj muroj ŝajnis kovritaj de portretoj, fiksantaj sur li siajn senmovajn, vivajn okulojn ; la teruraj portretoj rigardis el la plafono, el la planko ; la ĉambro larĝiĝadis kaj longiĝadis senfine, por enspaci pli multe da tiuj senmovaj okuloj. (p. 56)

Al la stilo de l'lerta tradukinto, kiun mi jam laŭdis en recenzo pri la *Kanto de triumfanta Amo* mi sentas specialan korinklinon; mi ŝatas ĝian riĉecon, facilmovecon, nuancemon; eĉ iom da prudenta antaŭenemo ne malplaĉas al mi. Mi opinias, ke la Esperantistaj verkistoj ne sufiĉe uzas la liberecon, kiun permesas al ili la Fundamento. Pli bone estas plilarĝigi, pliriĉigi la sencojn kaj uzmanierojn de la fundamenteroj ol enkonduki sennecese kaj facilanime novajn vortojn. Per laŭmetodaj ekzercoj oni igas korpon pli vigla kaj forta, ne per laŭhazarda supersatigo. Pro tio ne riproĉindaj ŝajnas al mi tiaj frazeroj kaj vortoj: li *ekis* atente rigardi, lunbrilo *adis* kuŝi, *eke* kaj subite, li *ade* sin demandis, k. t. p. Nur tro oftan tian uzon de *ek* oni rajte riproĉos al S-ro Fiŝer.

Multaj aliaj tradukoj estas stilkorektaj (kaj tio ne estas malgranda merito), sed ilia tradukaĵo estas malvigla, senreliefa, senkolora. Tia ne estas la stilo de D-ro Fiŝer, kiu impresas la leganton kvazaŭ stilo de originala verko.

**Ruslanda Adresaro**, vol. unua, — librejo « Esperanto », 26, Tverskaja, Moskvo, Rusujo. — Prezo: Sm. 0,40. — Verto.

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

La 5-an de septembro.

Ŝi skribis bileton al sia edzo en la kamparon, kie li restadis pro aferoj. Ĝi komenciĝis: Plej bona, plej kara, venu kiel eble plej baldaŭ, mi atendas vin kun mil ĝojoj. — Amiko, kiu venis, alportis la sciigon, ke li ne revenos tiel baldaŭ pro iaj cirkonstancoj. La bileto restis ne forsendita kaj vespere falis en miajn manojn. Mi legis ĝin kaj ridetis; ŝi demandis pri kio? — Kia donaco dia estas la fantazio! mi ekkriis; momenton mi povis false preteksti, ke ĝi estus skribita al mi. Ŝi interrompis, ŝajnis malplaĉi al ŝi kaj mi silentis.

La 6-an de septembro.

Estis malfacile, ĝis kiam mi decidis formeti mian bluan, simplan frakon, en kiu mi unuafoje dancis kun Ĥanjo; sed lasttempe ĝi fariĝis tro malpompa. Ankaŭ mi farigis unu al mi, tute kiel la antaŭa, kolumo kaj borderaĵo kaj ankaŭ tiel flavaj veŝto kaj pantalono.

Ĉi tamen tute ne volas fari la efikon. Mi ne scias mi pensas, ke iom post iom tiu ankaŭ fariĝos al mi pli kara.

La 12-an de septembro.

Ŝi estis forvojaĝinta kelkajn tagojn por akompani Alberton. Hodiaŭ mi eniris ŝian ĉambron, ŝi venis renkonte al mi, kaj mi kisis ŝian manon kun mil ĝojoj. Kanario flugis de sur la spegulo sur ŝian ŝultron. Nova amiko, ŝi diris kaj logis ĝin sur sian manon; ĝi estas destinita por miaj malgranduloj. Ĝi kondutas tro bele! Vidu ĝin! Se mi donas panon, ĝi batetas per la flugiloj kaj pikas tiel ĝentile! Ĝi ankaŭ kisas min, vidu!

Kiam ŝi prezentas la buŝon al la besteto, ĝi tiel ĉarme sin premas en la dolĉajn lipojn, kvazaŭ ĝi sentus la feliĉecon, kiun ĝi ĝuis.

Ĝi kisos ankaŭ vin, ŝi diris, kaj donis la birdon. La beketo faris la vojon de ŝia buŝo al mia kaj la pika tuŝo estis kiel spiro, antaŭ sento de amplena ĝuo.

Ĝia kiso, mi diris, ne estas tute senavida; ĝi serĉas nutraĵon kaj reiras nekontente de la nura kareso.

Ĝi ankaŭ manĝas el mia buŝo, ŝi diris. Ŝi prezentis al ĝi kelkajn panerojn per siaj lipoj, el kiuj ridis la ĝojoj de naivece partoprenanta amo en ĉia plezurego.

Mi deturnis la vizaĝon. Ŝi ne devus fari ĝin, ne devus inciti mian fantazion per tiaj bildoj de ĉiela malkulpeco kaj feliĉeco, ne veki mian koron el la dormo, je kiu lulas ĝin kelkfoje la indiferenteco de la vivo! — Kaj kial ne? — Ŝi tiom fidas min! ŝi scias, ke mi amas ŝin!

La 15-an de septembro.

Oni dezirus furioziĝi, Vilhelmo, ke ekzistas homoj ne havantaj intereson kaj senton pri la malmulto, kiu sur la tero ankoraŭ havas valoron. Vi konas la juglandarbojn, sub kiuj mi sidis kun Ĥanjo ĉe la honesta pastro de St.., la belegaj juglandarboj! kiuj, Dio scias, ĉiam plenigis min per la plej granda plezuro de l'animo. Kiel intima ili faris la pastran korton, kiel malvarmeta! kaj kiel belegaj estis la branĉoj! kaj la rememoro ĝis la honestaj pastroj, kiuj plantis ilin antaŭ tiom da jaroj! La instruisto ofte nomis al ni unu nomon, kiun li aŭdis de sia avo; estas dirate, ke li estis tiel brava viro, kaj lia memoro ĉiam estis al mi sankta sub la arboj. Mi diras al vi, ke la larmoj sidis en la okuloj de la instruisto, kiam ni hieraŭ parolis pri tio, ke ili estas elhakitaj. — Elhakitaj! mi dezirus freneziĝi, mi povus mortigi la hundon, kiu faris la unuan baton. Mi, kiu povus funebradi, se kelkaj tiaj arboj starus en mia korto kaj unu el ili formortus pro maljuneco, mi devas toleri tion! Kara trezoro, unu malfacilaĵo tamen estas! Kio estas homa sento! La tuta vilaĝanaro murmuras, kaj mi esperas, ke la pastredzino sentos je butero kaj ovoj kaj la cetera fido, kian vundon ŝi donis al sia vilaĝo. Ĉar ŝi estas, la edzino de la nova pastro (nia antaŭa ankaŭ mortis), maldika, malsanema estaĵo, kiu havas multe da kaŭzo ne kompati la mondon, ĉar neniu kompatas ŝin. Frenezulino, kiu penas esti instruita, klopodas esplori la kanonon (1), tro multe laboras pri la novmoda, moral-kritika reformado de la kristaneco, kaj suprentiras la ŝultrojn pri la revaĵoj de *Lavater* (2), havas tute ruinigitan sanecon kaj tial nenian ĝojon sur la terfundo de Dio. Al tia kreaĵo ankaŭ sole estis eble elhaki miajn juglandujojn. Vidu, mi ne retrankviliĝas! Imagu, la defalantaj folioj igis al ŝi la korton malpura kaj malfreŝa, la arboj forprenis al ŝi la sunlumon kaj kiam la nuksoj estas maturaj, la knaboj ĵetas ŝtonojn al ili kaj tio falas sur ŝiajn nervojn, tio malhelpas ŝin en ŝiaj profundaj pensadoj, kiam ŝi komparas la valoron de *Kennikot*, *Semler* kaj *Michaelis* (3). Vidante la vilaĝanojn, precipe la maljunajn, tiel malkontentaj mi diris: Kial vi toleras ĝin?

Se la vilaĝestro volas tiu-ĉi lande, ili diris, kion oni povas fari? Sed io ĝuste okazis: la vilaĝestro kaj la pastro, kiu ja ankaŭ deziris ekhavi ion per la ĥimeroj de sia edzino, kiuj sen tio ne grasigas lian supon, intencis dividi ĝin inter si; tiam la kamero sciiĝis pri ĝi kaj diris: Ĉi tien! ĉar ĝi havas ankoraŭ malnovajn pretendojn pri la parto de la pastra korto, kie staris la arboj, kaj vendis ilin al la plej multepaganto. Ili malstaras! Ho, se mi estus princo! Mi volus la pastredzinon, la vilaĝestron kaj la kameron — Princo! — Ja, se mi estus princo, kion mi zorgus pri la arboj en mia lando!

La 10-an de oktobro.

Se mi nur vidas ŝiajn okulojn, mi jam fartas bone! Vidu, kaj kio afliktas min, estas, ke Alberto ne ŝajnas esti tiel feliĉigita, kiel li — esperis, kiel mi — kredis esti, se. — Mi ne amas skribi interrompajn streketojn, sed ĉi tie mi ne scias alie esprimi ĝin — kaj ŝajnas al mi sufiĉe klare. *(Daŭrigota)*.

(1) T. e. la aro de la bibliaj libroj. Rim. de la trad.
(2) J.-C. Lavater, fama teologiisto, kiun Gœthe tiam tre admiris.
(3) Tri famaj teologiistoj, konitaj pro iliaj kritikaj esploroj.

# ESPERANTISMO

## ONI KONGRESAS

**Federacio Esperantista de Lancashire kaj Cheshire. — En Stockport. 4-a., de Majo 1912, 17-a., kvaronjara konferenco.** — La oficiala kunveno okazis en la Urbdomo (laŭ afabla permeso de la Urbestro) je 3. 15., posttagmeze. Ĉeestis 78 federacianoj el 17 diversaj urboj kaj grupoj. La Federacio havis la honoron de oficiala akcepto de la vicurbestro, kiu anstataŭis la urbestron. Post formalaj paroloj, S-ro Sydney Taylor, el Buxton, nove elektita Prezidanto de la Federacio, parolis pri la laboro de la nova komitato. La ĉefa interesaĵo estis la propono starigi literaturan muzikan kaj artistan konkurson por federacianoj, laŭ modelo de la konkursoj regule organizataj en Kimrujo sub la kimra nomo « Eisteddfod ». La propono estis entuziasme akceptata, kaj invito de la grupo de Liverpol ke oni gavu la feston en tiu urbo en januaro. Poste oni legis mallongajn raportojn de la plejmulto de la federaciaj grupoj pri la laboro de la pasinta sezono, kaj ili montris tre kuraĝigajn progresojn. Ĉar la aferoj estis jam bone aranĝitaj de la komitato, oni dediĉis la reston de la kunsido al legaĵoj S-ro Pollard el Buxton legis spritan originalaĵon, kaj S-ino Applebaum el Liverpool kortuŝan skizon tradukitan de ŝia edzo el la novhebrea lingvo. Le kunveno estis ankaŭ ĝogigita per kantado de Esperantistaj ĥorajoj. Ĉe la sekvinta manĝo en restoracio oni proponis tostojn, kaj inter la trafaj paroladoj estis tri de alinacianoj kiuj reprezentis Germanujon, Polujon kaj Hispanujon La vespero estas okupita de dancado kaj aŭskulto de kantoj kaj deklamoj aranĝitaj de la loka grupo. Ĉiuj konsentis, ke tiu ĉi konferenco estis inter la plej sukcesaj de la federacio kaj estis tre kontentaj pri la energio kaj saĝeco de la novaj prezidanto kaj komitato. Estis evidente, ke la Esperantismo ne velkas en tiu distrikto. — G. D. L.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj Societoj.** — La 2. de aprilo en *Peterburgo* estas refondita de kelkaj eksmembroj la fama societo « Espero ».

En *Elversberg* (German.) kun 36 membroj, post parolado de S-ro Omlor.

**Novaj kursoj.** — En *Brno-Brünn* (Aŭstrio), instruata de S-ro F. Podlouczka, sub aŭspicioj de la unuiĝitaj germana kaj bohema grupoj ; 34 lernantoj. — G. N.

En *Milano* (Italujo), kurseto. — M.

En *Elversberg* (German.) organizita de la tiea grupo.

En *Grosschœnau* (Saks.) kun permeso de la popollernejestro la grupo povis aranĝi novan kurson en la du plej altaj klasoj ; instruas S-ro Zosel ; 61 partoprenantoj. — K. C.

**Kunvenoj kaj festoj.** — En *Oakland* (Usono Kalifornio), 25 apr. jubilea festo, 50 ĉeestantoj ; diversaj seriozaĵoj kaj amuzaĵoj. — B.

En *Dresden* (Saksujo) diversaj festoj :

La 10. aprilo, okaze de la kongreso de la superaj instruistoj, la « Germana Akademia Esperanto Ligo » havis bone vizititan kunvenon en « Vereinshaus » sub prezido de Prof. D-ro Schmidt (Potsdam) ; parolis D-ro Gohl (Riesa), D-ro Nitz (Kœnigsberg) kaj S-ro Rektoro, D-ro Rausch. — La saman tagon 1a fondiĝfesto de la junulara grupo « En juneco nia espero », kun riĉa programo plenumita de la lernantoj de S-ro instruisto M. Sykova. — Ankaŭ samdate, 4a fondiĝfesto de la sinjorina grupo.

La « Societo Zamenhof » festis en Blasewitz, 12. majo sian fondiĝeston.

En *Ĉeske-Budejovice* (Aŭstrio) 12. aprilo, festeno okaze de la vizito de inĝeniero Kazi Girej, veninta el Manĝurujo kaj haltanta ĉe ĉiuj Esp. Grupoj. — Sk.

En *Filadelfio* (Usono), 26. aprilo, barĉo de la Esp. Asocio ĉe la Windsor-Hotelo ; 24 ĉeestantoj. D-ro Knowlan anoncis baldaŭan fondon de nova grupo. — L.

En *Bad Reichenhall* (Bavar.) 5. majo, unua kunveno de la bavaraj kaj Salcburgaj Esperantistoj.

**Paroladoj.** — En *Dorking* (Anglujo), D-ro Marchand : 18. aprilo, pri « Esperanto kaj la religioj de la mondo ».

En *Elversberg* (German.), 28 apr. nia Del. en Saint-Ingbert, S-ro Omlor pri la neceseco de Esperanto ; ekspozicio de 400 esperantaĵoj.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — En *Narva* (Rus.) la 9. de apr., 200 ĉeestantoj. — En *Reval*, 10. apr., 450 personoj ; tradukis Esten nia Del. S-ro J. Rosenberg ; kore akceptis S-ron Parrish du redakcioj. — En *Dorpat*, 300 personoj. — En *Vilno* 16 apr. ĉe la Komerca Lernejo ; antaŭe ruse paroladis la Del. S-ro Juĥneviĉ pri Esperantismo kaj U. E. A. ; 125 personoj. — En *Danzig*, 19 apr. 70 personoj. — En *Bromberg* (German.) la 18. de apr. 200 personoj ; la 19., parolado por gelernantoj ; favore raportis la gazetoj. — En *Lodz* (Pol.) 22. apr. 100 personoj. – En *Varsovio*, 28 apr. ĉe la salono de Teknika Lernejo : Granda sukceso, 800 personoj. — La 2. de majo en *Kievo*, 250 personoj, en salono de Komercoficista Klubo ; tradukis rusen S-ino N. Kondrackaja ; raportoj en la gazetoj. En *Zaporoĵje Kamenskoje* 4. kaj 5. majo, du paroladoj kun entute 115 ĉeestantoj.

## KRAKOVAJ KONGRESOJ

### Kvina cirkulero de la Loka Komitato

*Filia sekretariejo.* — Por plifaciligi al la kongresanoj la serĉadon de loĝejo la Komitato aranĝos en la stacidomo filian sekretariejon, por ke la kongresanoj tuj post eliro el la vagonaro, povu ricevi adreson de sia loĝejo. — La enloĝiga oficejo en la stacidomo funkciados seninterrompe tage kaj nokte.

*Kongresa poŝtoficejo.* — En la akceptejo estos aranĝita speciala poŝtejo, kies oficistoj parolos esperante. La oficejo estos malfermita konstante de la 8, matene ĝis la 7, vespere.

*La Ĉefpoŝtejo esperantigita.* — Laŭ peto de la organiza Komitato la krakova poŝta Administracio okupos dum la kongresa semajno en la ĉefpostejo nur tiajn oficistojn, kiuj konas Esperanton — Krom tio esperantaj surskriboj en la oficejo plifaciligos al la kongresanoj la orientiĝon.

*Adreso de la Kongresanoj.* — Korespondaĵoj destinitaj por la kongresanoj devas esti adresitaj tiamaniere : Kongreso Esperantista, por S-ro X. Y. el... (ekz. Parizo), Krakovo, Austrio, Galicio. — La kongresanoj estas petataj informi pri tio siajn korespondantojn.

*Interkomunikiĝo de la kongresanoj* — Por korespondado inter la kongaesanoj estos aranĝita aparta poŝto, pri kiu zorgos unu el la komitatanoj. En la skribĉambro de la akceptejo estos ĉiam provizo da leterpapero por senpaga dispono de la kongresanoj. La interkongresana poŝto estos senpaga.

*Nomaro de la kongresanoj.* — La unua listo de la kongresanoj aperos en la maja numero de « Pola Esperantisto ». La listoj estos regule ĉiumonate publikigataj.

*Fakaj kunsidoj.* — En la tria cirkulero ni faris alvokon al la internaciaj asocioj, ke ili avizu nin pri sia intenco organizi kunsidojn dum la Kongreso. — Ĉar la alvoko restis preskaŭ ŝen rezultato, kio bedaŭrinde tre malfaciligas al ni la starigon de l'kongresa programo, ni ankoraŭ unu fojon turnas nin al ĉiuj fakaj societoj kun varma peto, ke ili komuniku al ni, kiom da kunsidoj ili deziras aranĝi. — La lasta tempolimo por tiuj avizoj estas la 1 de junio. Avizoj, kiuj venos post tiu dato, ne povos esti konsiderataj de la Komitato.

*Oficialaj eldonaĵoj.* — Estas eldonitaj duspecaj glumarkoj kaj poŝtkarto, faritaj laŭ projektoj de eminentaj pentristoj. — La glumarko. A prezentas motivon el la krakova katedralo, la glumarko

B la reĝan kastelon en la kongresurbo kaj la poŝtkarto ĉevalgrupon de Apolo, veturanta tra la ĉieloj. Tiu ĉi motivo de la helena skulptarto estas tre lerte adaptita al la ideo de esperantismo. La prezoj de la cititaj eldonaĵoj estas troveblaj en la aliĝilo, aldonita al tiu ĉi numero.

*Albumo de la kongresanoj.* — Sendante, sian fotografaĵon, oni nepre skribu sur ĝia malantaŭa flanko sian antaŭnomon, familian nomon kaj urbon. Tio estas necesa por eviti eventualajn konfuzojn.

*Rezervitaj numeroj.* — Ĉar la lasta templima por la provizoraj aliĝoj jam forpasis la 1 de majo, la komitato ne plu konservos la rezervitajn al ili numerojn.

*Loka Organiza Komitato.*

## OKAZONTAJ KUNVENOJ

### Esperantista Kalendaro

*Majo*

(25). — Kunveno de la svisaj Esperantianoj en Meggen (Luzern).

(26). — Kunveno de la « Svisa Esperantista Societo », en Meggen (Luzern).

(27) — Kongreso de Esperantistoj el Moravio kaj Siberio en Prerov.

(26-27). — Belga nacia kongreso Esperantista en *Gand*.

(26-27). — Kvina kongreso de la « Federacio Esperantista de Burgonjo kaj Ĵuro » en *Tournus*.

(26-28). — Kvina kongreso de Brita Esperanto-Asocio en *Portrush*.

(26-28). — Kvara kongreso de Danaj Esperantistoj en *Vejle*.

*Junio*

(2). — Jubilea festo de la Esperantistaj grupoj en *Dresden*.

(16). — Kongreso de la Esp. Normanda Federacio en *Louviers*

*Julio*

(9-12). — Kongreso de la « Esperanto Asocio de Usono » en *Boston*.

(27-31). — Kongreso de Germana Esperanto Asocio en *Danzig-Zoppot*.

*Aŭgusto*

Tria internacia katolika kongreso en *Budapeŝto*.

(11-18). — Oka kongreso de Esperanto en *Krakovo*.

(11-18). — Tria kongreso de U. E. A. en *Krakovo*.

Unua hungarlanda kongreso Esperantista en *Budapeŝto*.

*Oktobro*

Dua Aŭstralia Esperantista kongreso en Melbourne.

C. O. de U. E. A.

## DIVERSAĴOJ

∴ *Kotizo al la Centra Oficejo.* — En sia kunveno de la 25. de marto, la Esperantista Grupo de Toulouse (Francujo), post diskuto en kiu partoprenis F-ino Beynard, S-roj Chalot, Caujolle, Dubois kaj Beaumel, unuanime deklaris sin kontraŭa al la pago de ĉiu kotizaĵo. La grupo sendos delegiton al la Oka.

∴ *Esperantaj prospektoj.* — Okaze de la Nacia Kongreso de vinberkulturo, okazonta en *Pamplona* (Hispanujo) en 1912 estas eldonita kompleta Esperanta programo, kiu estos sendata de la Del. de Pamplona al ĉiuj petontoj.

— La konata angla firmo Burroughs Wellcome & C°, *London*, eldonis Esperantan reklambroŝureton : La historio pri la Malto. Oni povas ĝin ricevi el Burroughs Wellcome & C°, London.

∴ *Libera Komerco.* — La Internacia Ligo por la libera komerco eldonis Esperantan cirkuleron pri sia celado. Oni povas ĝin ricevi de S-ro B.-G.-M. Baskett, Broadway Court, Westminster, *London S. W.*

∴ *Honorigo al S-ro Stead.* — Okaze de la rememoriga diservo pro la morto de la konata angla ĵurnalisto Stead oni rimarkis inter la ĉeestantaj : S-ron H. Bolingbroke-Mudie, prezidanton de la Brita Esperanto-Asocio, kaj U. E. A., kolonelon J. Pollen, prezidanton de la Brita Esperanto Asocio, S-ron Felix Moscheles, prezidanton de la Londona Esperanto-klubo, kaj multajn aliajn influhavajn Esperantistojn. La mortinta S-ro Stead estis unu el la vicprezidantoj de la Brita Esperanto Asocio.

∴ *Orienta Rusujo.* — La ekspozicio organizita de la Esp. Soc. en Ufa dum aprilo, estis tre vizitata ; ĝi gajnis al nia afero interalie la Guberniestron, kiu konante kelkajn lingvojn tamen lernas la nian. Kiel ni diris, la enirpago estis uzota por malsatuloj. — F.

∴ *Turismo.* — En Koloszvar (Hungarl.) la Transilvania Karpata Soc. decidis, laŭ iniciato de la tiea Klubo Esperantista, ke por allogi la fremdajn turistojn ĝi malfermos en sia ilustr. monata revuo « Erdely » konstantan Esp. rubrikon kaj eldonos pri la urbo esper. gvidfolion. — O. A.

∴ *Kuba Insulo.* — La « Kuba Soc. por Propagando de Esperanto », prezidata de D-ro A. Aleman Ruiz eldonis hispane broŝuron, el kies ĉapitrotitoloj ni citu la jenajn : La Lingvo Internacia ; neseriozaj argumentoj ; historiaj datoj de Esperanto ; ĝia Fundamento ; ĝiaj kongresoj, organizo, gazetaro, Literaturo, k. t. p. — Adreso : Apartado 1324, Habana.

∴ *Nekrologia noto.* — Sur la agendo de la Konsilantaro de Brita Medicina Asocio aperis pole kaj *Esperante* kondolenca letero pri la morto de Lord Lister ; ĝin sendis la Lwow'a Kuracista Societo ; subskribis la prez. D-ro Bronislav kaj la sekretario, D-ro J. Hornowski.

## TRA LA GAZETARO

∴ *Lingvo Internacia* (aprilo). Pri la decido de la Administra Komitato de la C. O. rilate al kotizo :

Tion decidis 16 (aŭ pli ĝuste 13) membroj de la « Administra Komitato de l'Centra Oficejo », kiu konsistas el 33 membroj ; sekve ne la plimulto.

Ĉu tia agmaniero estas korekta, ĉu laŭleĝa ?

Grava tamen estas tia decido, kiu povas tute prave maltrankviligi multajn Esperantistojn, kiujn neniu havas la rajton sisteme ignori kun stranga malŝato.

Ĉu la Centra Oficejo interkonsiliĝis, — kiel postulis tamen simpla samideana delikateco, — kun la Komitatoj de la naciaj societoj ? — Ne ! ilin ĝi ignoris.

Ĉu kun la Komitato de la U. E. A. ? — Ne ! ĝin ĝi ignoris.

Ĉu kun la Konstanta Komitato de la Kongresoj ? — Gravajn motivojn ni havas por opinii ankaŭ : ne !

Kiajn garantiojn aliparte oni donas al ni per tiaj aŭtokrataj decidoj, ke la reformistoj, plibonigistoj, idistoj ne sendos ankaŭ siajn rajtigitajn « Delegitojn », tial ke sufiĉas « pagi kaj aboni ».

Bone estus, antaŭ ol paroli pri ia esperantista Parlamento, praktiki iom la parlamentajn kutimojn, kiuj regas en ĉiu civilizita Ŝtato. Sed, laŭ plej senpartiaj kaj senpasiaj homoj, nedube estas, ke en Antverpeno pro nesperteco neniun ideon oni havis pri tiaj kutimoj, kaj nun oni daŭrigas : *Sic volo, sic jubeo !*

∴ *Amerika Esperantisto* (aprilo). *Kiamaniere ni propagandas.* Komencinte en januaro la esperantistoj de Norda Ameriko faris viglan propagandon, laŭ la jena maniero :

La Esperantista Asocio de Norda Ameriko preparis multajn ekzemplerojn de « letero al redaktoroj », subskribita de S-ro Edwin C. Reed, ĝenerala sekretario de la Asocio. Ĉi tiu letero anoncas ke, pro la intereso la Esperanto kaŭzita de la fakto, ke leĝo pri Esperanto estas enkondukita en la Usonan Reprezentantaron, la Esperantista Asocio de Norda Ameriko disdonos milionon da ekzempleroj de libreto « A Glimpse of Esperanto », kaj ke ĉiu persono, kiu sendos nomon, adreson kaj poŝtmarkon, ricevos ekzempleron. La letero ankaŭ enhavas kopion de la nomita « Rezolucio ».

Tuj kiam la letero estis preta, la samideanoj el ĉiuj urboj kaj urbetoj komencis sendi kartojn aŭ leterojn, dirante « mi povos uzi du, —dek, —dekkvin, —ekzemplerojn de la « letero al redaktoroj ».

La Asocio sendas la menditajn ekzemplerojn, kaj la lokaj esperantistoj portas (aŭ sendas kun persona letero) ekzempleron al ĉiu redaktoro, kies jurnalon, gazeton aŭ revuon ili abonas, dirante « Mi petas ke vi enpresigu ĉi tiun leteron ! ». Kutime la redaktoroj volonte presigas la leteron, — kaj jen komenciĝas bona rezultato : La legantoj de la jurnaloj kaj revuoj, eksciante ke ili povos ricevi senpagan informon pri Esperanto per simpla poŝtmarko sendota al « Esperanto, Washington », tuj sendas ĝin kun nomo kaj adreso.

Tiaj petoj por informo nun venas po kvindekoj kaj eĉ po centoj ĉiutage al la Esperanto-Oficejo en Washington, kaj tial oni dissendas libretojn po kvindekoj kaj po centoj ĉiutage ! Kalkulu kiom da homoj ĉiumonate per tio lernas iom pri Esperanto ! La libreto « Glimpse of Esperanto » enhavas mallongan priskribon de Esperanto kaj ĝia celo kaj historio, skizon de la gramatiko, facilan rakonton por specimeno de la lingvo (kune kun vortareto), kaj aliĝilo al la Asocio.

Efektive, ĉi tiu gazetara-jurnalara almilitado, ankoraŭ senĉese farata de la esperantistoj tra tuta Usono kaj Kanado, montras kion povas elfari *komuna laboro*, efektivigita de oportuna centra oficejo (kie estas farata tia laboro, kian la esperantistoj delegas al tia centro por ŝparigi sian tempon kaj monon kaj elfari la plej grandan propagandon je kiel eble plej malgranda elspezo)...

∴ *Scienca Gazeto* (aprilo). La Internacia Scienca Asocio Esperantista, de unu jaro senigita de oficiala organo, pro bedaŭrindaj okazintaĵoj, klopodis por restarigi la aferon kaj renaski la mortintan revuon. Tiu penado ne sukcesis. Dume la Idistoj profitis la okazon por ataki Esperanton. Ili ĉien trumpetadas, ke la Scienca Revuo malaperis tial, ke Esperanto tute ne povas taŭgi por sciencaj verkoj, ke la eldonisto, konstatinte la neeblecon uzi nian lingvon por la Scienco estis devigita ĉesigi sian revuon. Tiuj mensogoj kompreneble tre malutilas nian propagandon en la sciencistaj rondoj. En tiaj cirkonstancoj urĝis, ke oni kiel eble plej rapide fondu novan gazeton, kiu ĵus aperis sub la nomo *Scienca Gazeto*. Tiu gazeto, eldonata de firmo Hachette kaj redaktata de S-ro Ch. Vérax, estos redaktita laŭ tute nova plano. La estinta Internacia Scienca Revuo enhavis artikolojn, kies legado estis nefacila, eĉ ofte neebla, por personoj, kiuj ne havas specialan kompetentecon. Tial ĝi povis esti legata nur de sciencistoj. Kontraŭe la Scienca Gazeto nuna, kvankam pure scienca, estos redaktita tiamaniere, ke ĝi estos facile legebla de ĉiu ajn, kaj prezentos grandan intereson por ĉiuj Esperantistoj. Ĉefparte ĝi estos vulgariga gazeto, kiu, simile al la angla kaj franca jurnaloj « Nature » konigos la ĝeneralajn progresojn kaj la plej aktualajn faktojn de la Scienco. Ĝi tial estas rekomendinda al ĉiuj samideanoj. (Jara abono : 3 Sm.).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**3-a. Kongreso de U. E. A.**

La 3-a. Kongreso de U. E. A., okazos en *Krakovo* dum la Oka Esperantista Kongreso. La dato, horoj de la kunvenoj, kondiĉoj de aliĝo estos pli malfrue konigataj.

Ni rememorigas, ke ĉiuj proponoj ekzamenotaj de nia kongreso devas esti sendataj al ni nepre antaŭ la *10 junio*, kaj, se eble, pli frue, tiel ke ni havu la tempon ilin zorge ekzameni antaŭ la Kongreso.

Pri tio oni bonvolu legi § 4, 5, 6 de la kongresa regularo (paĝ., 30-32, Of., Jarlibro). Krom proponoj rilatantaj al la agado mem de U. E. A. (komerco, turismo, junuloj kaj studentoj, laboro, virinoj, maristoj, k. al., ni ankaŭ plezure ricevos proponojn kaj raportojn pri demandoj koncernantaj la plifaciligon de la internaciaj interrilatoj. Ĉiu raporto (2.000 vortoj maksimume) devas esti sekvata de deziresprimo por la voĉdonado.

**Kongresvojaĝo.**

Okaze de la Oka Esperantista Kongreso kaj de la Tria Kongreso de U. E. A., en Krakow, nia Asocio, kiel la antaŭajn jarojn, aranĝos Karavanojn, kies vojplano estas nun en studado. Kredeble estos du karavanoj : unu por nord-francoj, britoj, ktp., foriros el Parizo kaj atingos Zürich tra Basel (Kondukanto : S-ro M. Génermont) ; alia por sud-francoj, hispanoj, italoj, ktp., foriros el Lyon kaj atingos Zürich tra Ĝenevo kaj Berno (kondukanto : S-ro L. Poncet). En Zürich la du partoj kuniĝos kaj veturos al Wien-Krakow, ĉu tra München, ĉu tra Zürich. Detalaj informoj siatempe aperos en *Esperanto*. La komisiono prizorgonta la vojaĝon konsistas ĝis nun el S-roj M. Genermont (Paris); L. Poncet (Lyon); J. Schmid (Bern); S-ro L. Poncet baldaŭ entreprenos vojaĝon tra Svisujo kaj Aŭstrio, kaj dumvoje detale enketos pri hoteloj, vizitindaĵoj, aranĝotaj akceptoj, ktp.

**Pri eksigo.**

La eksigo de D-ro Kandt, decidita konforme al § 15 de la Statuto, kaŭzis proteston de la Bromberga Esperanto Unuiĝo. Por eviti ĉiun malkompreniĝon kaj neutilan polemikon, la Direktoro de U. E. A., decidis mem proponi la starigon de arbitraciantaro, kiu ekzamenos la aktojn rilatajn al tiu afero kaj esploros, ĉu la alprenita decido estis sufiĉe pravigita. Tiu arbitraciantaro estos elektita tuj post la konsento de la interesato, kiu estas senpere informita pri tiu propono.

**Statistiko.**

Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la C. O. de U. E. A., dum la monato Aprilo :

| Ricevitaj | Mandatoj | Forsenditaj |
|---|---|---|
| 1.237 | 210 | 1.576 |

Tuta sumo : 3.023 (sen la jarlibroj). Antaŭa monato) : 3.308

*Etato de la Esperantianoj.*

Je la 1-a. de Majo estas enkasigitaj de la Centra Kaso de U. E. A., 7.287 kotizaĵoj por 1912. (Je la 10 Aprilo 6.991) + 182 subtenantoj. Lastan monaton la jenaj regionoj atingis pli ol 20 membrojn : *Boulogne-s-Seine, Düsseldorf : pli ol 50 : Kiew.*

*Fakaj membroj :*

*Interŝanĝa Fako* : 372; *Laborista Fako* : 79; *Virina Fako* : 116.

**Financoj.**

*Konteltiro de U. E. A. de Aprilo 1912.*

| Debito | Sm. | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Loĝejo | 19.60 | Kotizaĵoj | 274.45 |
| Oficejo | 33.64 | Subtenantoj | 8.94 |
| Salajroj | 186.00 | Aprobantoj | 7.59 |
| Korespondado | 60.00 | Esperantiaj Entreprenoj | 8.20 |
| Materialo | 26.46 | | 299.18 |
| Presaĵoj | 8.60 | *Saldo* | 75.96 |
| Afranko de Jarlibroj | 40.14 | | 375.14 |
| Diversaj kontoj | 1.00 | | |
| | 375 14 | | |

*Fakaj Kotizaĵoj.*

| Debito | | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Interŝanĝa Fako | 7.54 | Interŝanĝa Fako | 33.74 |
| Laborista Fako | 3.82 | Laborista — | 6.00 |
| | 11.36 | Virina — | 6.50 |
| Saldo | 36.88 | | 46.24 |
| | 46.24 | | |

**Subtenantaj Membroj** (10-a. listo).

177. *R. Fridrich* (Prosejov) ; 178. *N. Kabanov* (Moskvo) ; 179. *Sv. Aae* (Horsens) ; 180. *N. Ŝejermann* (Lubotin); *L. das Trinas* (Rio de Janeiro) ; 182. *W. Hüttmann* (Borbeck).

**Donacoj.**

De 1 ĝis 30 Aprilo 1912.

S-roj : Svend Aae Sm. 0,47 ; Al. Vicente Sm. 0,54 ; Rykentzoo-Zwaan, Sm. 1,10 ; Welhaven, Sm. 3,00 ; Veselovskij, Sm. 0.35.

**Novaj Del., Vic., kaj Subdel.**

Borbeck (Germanujo, Rejnlando). — *D.* : W. Hüttmann, ĉefinstruisto, Denkstrasse, 8.

Boulogne-s-Seine (Francujo, Seine). — *D.* : G. Chautaz, 11 bis Chaussée du Pont.

Enakievo (Rusujo, Petrovskij zavod). — *D.* : Stefano Sĉerbina, Peterburgskaja, 16.

Gotha (Germanujo, S. C. G.). — *D.* : Berthold Gaul, komercisto, Damweg, 1.

Kismarton (Hungarujo). — *D.* : Alberto Schwaiger.

Kumanovo (Turkujo, Makedonio). — *D* : Th. St. Sopotsky, komercisto.

Salzburg (Aŭstrio, Salzburg). — *D.* : Wolfgang Pezlederer, doktoro, Zillnerstrasse, 8.

Stettin (Germanujo, Meckl.-Schwerin). — *V D.* : Erdmann Beuge, juna komercisto, Elisabethstr.

**Sanĝoj**

Dorking (Anglujo, Surrey). — *D.* : J. S. Avent, dentkuracisto, Hillside Tower Hill.

Dusseldorf (Germanujo, Rejnlando). — *D.* : Bernhard Luis. Düsseldorf-Grafenberg, Gehrts-str., 5.

Furth (Germanujo, Bavarujo). — *D.* : Emil Leu, Nürnberg, Fürtherstr., 378.

Genova (Italujo). — *D.* : D-ro Alfredo Stromboli, ĥemiisto, Via Gropallo 3, int. 4, scala 2-a (ĉe la Orienta Stacidomo).

Hunavatnssyslu (Islando). — *D.* : Bjorn P. Blondal, komerca komizo, Hvammstanga.

Kaliŝ (Rusujo, Polujo). — *D* : Mieczystau Kaus, psiĥologiisto, Ptaszkowice, poŝto Zdunska. Wola.

Lille (Francujo, Nord). — *D.* : Léon Tronquez, 14, Place Philippe-le-Bois.

Sabadell (Hispanujo, Barcelona). — *D.* : R. Martorell, librotenisto st., Via Massague, 58, bis.

Thorn (Germanujo, Prusujo). — *D.* : Georg. Reimann, Thorn, Mocker, Graudenzerstr., 95.

Wimbledon (Anglujo, Surrey). — *D.* : Alfred J. Hulme, pentristo, 10, Delamere Rd.

**Restarigo**

Suursaari (Rusujo, Finlando). — *D.* : Emil Elenius, klubo Esperantista.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj**

Berlin (Germanujo). — Esperanto-Societo « Merkur » *P.* : William, Berlin, N. O. 55, Lippeknerstr, 4.

Lille (Francujo). — Esperantista Grupo. Adr., 50, rue Gauthier-de-Chatillon, Institut de Physique.

Rio de Janeiro (Brazilujo). — A Jacobsen, rua do Ouvidor, 52.

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas !

∴ Esperantiano *A. Koh*, Varsovio, tutkore dankas S-rojn : *Ch. Sostmann* (Del. Berlino), *J. Karsch* (Del. Dresdeno), *D-ron Ed. Sos* (Del. Wien), Fil. kand *Stan. Stejskal* (Praha) pro informoj pri vojaĝo al kaj restado en respektivaj urboj.

∴ « Mi deziras danki S-ron *M. Tessner*, Del. en Dresden, kiu havigis al mi numeron de elĉerpita ilustrita revuo, vane serĉitan de pli ol unu jaro. — H Buret, notario (Sainville, Franc.),

∴ Mi esprimas mian plej koran dankon al S-roj *V. J. Jarkolev* Del. kaj *Ŝ. Dobin* V. Del. en Ĥarkov (Rus.) kiuj dum mia kelktaga restado en tiu urbo kun mia malsana fratino min ĉiumaniere helpis, interalie tradukante ĉe la kuracistoj. Mi treege dankas ankaŭ *S-ron Vejtcler*, Del. Rostov-na-Donu, kiu estante malsana sendis du tre afablajn samideanojn, *S-rojn Porosjukov* kaj *Prejborowski* kiuj nin renkontis ĉe la stacidomo kaj ĉiumaniere helpis. — Ardaches der Hovannissianc, Del. Tabriz (Persujo).

## Al judaj samideanoj

Mi petas ĉiujn judajn samideanojn el ĉiuj landoj, ke ili sendu al mi siajn adresojn.
A. Chomet,
Stud. *Tarnow-Walava 3°*
(Aŭstrio-Galicio).

## Utileco de U. E. A.

Pri utileco de U. E. A. por komercistoj kaj turistoj jam multaj estas konvinkitaj. Per ĉi tiuj vortoj mi volas atentigi kaj per propra sperto atesti grandegan utilecon de U. E. A. ankaŭ por la gestudentoj. Nome por daŭrigi medicinistajn studadojn kaj perfektiĝi en germana lingvo en komenco de aprilo mi forlasis Krakovan universitaton kaj alveturis Vienon, por tie enskribiĝi. Bedaŭrinde en universitato oni sciigis al mi ke nun en Vieno rusaj regnanoj absolute ne estas akceptataj kaj tial ankaŭ oni ne akceptos min, ĉar mi havis malfeliĉon naskiĝi en limoj de rusa imperio. Malagrable frapita de tiu ĉi neatendajo, mi pripensadis mian klopodigan situacion. Komuniki persone kun aliaj germanaj universitatoj mi ne povis, ĉar ne sufiĉe precize mi konas germanan lingvon. Ankaŭ en Vieno mi havis neniun konaton, kiu povus min helpi. Tiam mi decidis provi utilecon de U. E. A. kaj tuj turnis min al samideano en Vieno kaj li tradukis en lingvon germanan la leteron, sendotan al germanaj universitatoj, krom tio mi skribis al Del. en Graz kaj Innsbruck, precize demandante pri ĉiuj necesaj detaloj. Baldaŭ kun ĝojo mi ricevis de ili plej ekzaktajn sciigojn ne nur pri universitato sed ankaŭ pri la vivkondiĉoj, prezoj kc., en ambaŭ urboj. El Innsbruck mi eĉ ricevis universitatan gvidfolion. Ĉar en Innsbruck kaj Graz ne ekzistas specialaj limigoj por rusregnanoj, mi alveturis Graz'on. Ĉi tiea D. renkontis min en stacidomo, helpis fari tradukojn de la dokumentoj en lingvon germanan kaj ĝenerale dank'al lia afabla helpo mi enskribis min ĉe Graz'a universitato sen malfacileco. Do estas al mi tre agrable havi okazon esprimi ĉi tie dankon al S-roj R. Pettera kaj D-ro F. Simbriger, Del. en Graz kaj Innsbruck pro ilia vere tre grava helpo. Mi ĝojus, se la fakto sciigita instigus ĉiujn gestudentojn aliĝi al U. E. A. por organizi plifaciligon de la rilatoj inter gestudentoj de ĉiulandaj universitatoj. — J. Mendrkievic, Stud. med.

# Alvokoj

## Al Esperantistaj policistoj

Dum oktobro 1911 en Hago (Nederlando) fondiĝis Polica klubo « Hago Esperantista Policgrupo ». La jam 30 anojn kalkulanta klubo klopodadas disvastigi Esperanton per propagando k. t. p.

Ĉar de la 11 ĝis la 13 de Junio 1912 okazos Polica ekspozicio en Scheveningen apud Hago, « H. E. P. » supozante ke ĝi povos utiligi ĉi tiun okazon al nia afero, petis kaj akiris etan parton de la ekspoziciejo por Esperanto. Por ke estu pruvata, ke Esperanto jam vere divastiĝis tra la tutmonda Polico, « H. E. P. » bezonas fotografajojn de grupoj aŭ izolaj esperantistaj policistoj uniformvestitaj. Tial ĉiu policisto estas petata pruntedone sendi fotografajojn kiuj estos zorge konservataj kaj tuj post la finiĝo de l'ekspozicio resendataj.

Ĉiu samprofesulo helpu nin. La adreso estas J. Kerskes Policisto sekretario « H. E. P. » Herscheltrato, 16.

Hago (Nederlando).

## Propagando

La novkreita Tabriza (Persujo) Esperantista grupo intencante organizi la unuan esperantan feston, okaze de la 25 jara Jubileo de Esperanto, petegas la tutmondajn samideanojn partopreni je tiu-ĉi festeto, sendante al supre dirita grupo ĉiuspecajn esperantaĵojn, librojn, poŝtkartojn, kaj ĉion, kio povas esti konsiderata kiel propagandilo.

Adreso : A. D. Hovhanisjan, Prezidanto de Tabriza Esperantista Grupo Imperial Bank of Persia. Tabriz (Persujo).

## Ekspozicio

Por propagandi Esperanton en nia regiono, kie troviĝas tro multe da skeptikuloj kaj kontraŭuloj, ni decidis organizi esperantan ekspozicion. Tial ni petegas ĉiujn gesamideanojn helpi al ni per alsendo de esp. gazetoj, ĵurnaloj, libroj, p. kartoj ilustritaj, fotografaĵoj kun surskriboj, bildoj, insignoj kaj diversaj esperantaĵoj. Ankaŭ ni petas ĉiujn redakciojn de esp. gazetoj, esp. eldonejojn kaj librejojn, ke ili bonvolu sendi specimenojn, librojn, broŝurojn, propagandajn afiŝojn, katalogojn K. A. Al ĉiu helponto ni sendas nian plej koran antaŭdankon.

Por la komitato : M. J. Ŝaĥnoveckij, Del. U. E. A. Adreso : dom. de Anopolskij *Ŝepetovka* (Vol. gub. Rusujo).

## Porinfanaj ĝardenrifuĝejoj

Ĉiuj delegitoj de U. E. A. estas petataj liveri al Narva Esperantista Grupo la planojn, statutojn, jarajn kalkul-raportojn, buĝetojn gvidlibrojn aŭ aliajn aĵojn, koncernantajn la aferon de starigo, gvidado kaj administrado de porinfanaj ĝardenoj-rifuĝejoj, ĉu en esperanta aŭ en naciaj : germana, franca aŭ angla lingvoj. Se tiuj ĉi objektoj ne estas livereblaj senpage, oni sciigu nin, por ke ni povu sendi la bezonan koston. La helpo, kiun ni petas de esperantianoj, estas al ni tre bezona, por montri al niaj samurbanoj la utilecon kaj uzeblecon de Esperanto. Adreso : Narva, Pet. gub., Rusujo, Narva Esperantista Grupo.

## Esperantistoj ! Venu Aŭstrion, en la kongreslandon de 1912

Karaj gesamideanoj ! Viaj gefratoj en la plej bela lando de Europo, invitas vin al la solena internacia festo de Esperanto, kiu estos okaze de la oka kongreso en Krakovo samtempa jubileo de nia kara lingvo, kaj granda manifestado de nia sincera amo al nia kara Majstro.

Aŭstrio, sur kies imperiestra trono sidas de preskaŭ 64 jaroj la plej honorinda nestoro de regantoj, estas unu el la plej interesaj landoj, kaj precipe atentinda por esperantistoj, konsiderante ke ĝia loĝantaro konsistas el pli ol dek lingvojn parolanta nacianaro.

Samideanoj, veturontaj en la gastaman kongresurbon Krakovo, arangu vian vojaĝo-programon tiel, ke vi povu traveturi la tutan belan landon kaj viziti almenaŭ la plej gravajn urbojn de la imperio, t. e. Trieste, la belegan havenurbon, Graz, ĉarman kaj vidindan urbon en la regiono de niaj alpoj kaj speciale la perlon inter ĉiuj metropoloj, la rezidadurbon Wien.

De la plimulto de vizitontoj la okan kongreson, estas ja certe Wien elektita kiel unu — aŭ pli — taga dumvojaĝa restadejo, kaj kiuj forgesis aranĝi same sian programon, tiuj estu jam nun petataj ne forgesi pri tio, ke ili estus ĉiam bedaŭrantaj, vojaĝantaj en Aŭstrio, ne esti vizitintaj ĝian belegan ĉefurbon.

Pro tio, ke la postkongresaj festoj okazos en Budapest, — en la hungarlanda ĉefurbo de la monarĥio, — estu do niaj karaj fremdlandaj samideanoj invititaj, veni dum la tagoj antaŭ la Oka en nian urbon.

Pri la plej afabla akceptado flanke de samideanoj ili estu konvinkitaj. Ĉiuj Wien'aj grupoj unuiĝis por celo, servi ĉiamaniere niajn estimatajn gegastojn. En la ĉefkunvenejo I. Stubenring 24 (Kafejo Prückel) troviĝos dum la unuaj tagoj de Aŭgusto, — ĝis la forvojaĝo Krakovon — ĉiutempe esperantistoj, kiuj estos al dispono de fremdaj samideanoj. Ni zorgos ankaŭ pri akceptado en stacidomoj se la tago kaj horo de alveno estos ĝustatempe anoncita.

Karaj gesamideanoj ! Ĉiuj, kiuj el vi intencas viziti la urbon Wien, bonvolu sciigi tion al la adreso de Sro Dro J. Werber, VI., Dürergasse 19.

Estas projektata por la 8ª aŭ 9ª de Aŭgusto granda festvespero, kiu havu samtempe la celon de loka propagando. Vi, karaj eksterlandaj samideanoj, venu kaj helpu per via ĉeesto nian gravan entreprenon. Ĝis nun ni jam havas raportojn pri alveno de karavanoj el Ameriko kaj Francujo al Wien, kiuj volas restadi ĉi tie dum kelkaj tagoj. Por ĉiuj Wien'aj esperantistoj estos granda plezuro, se ili havos okazon montri al siaj estimataj gegastoj la vidindaĵojn de la belega urbo kaj ĝia ĉarma ĉirkaŭaĵo. La 10an de Aŭgusto povus okazi komuna forveturado Krakovon.

Detala programo pri la aranĝado de la antaŭkongresaj festotagoj en Wien aperos en nia numero de Majo.

Gesamideanoj ! Ĝis revido !

La Komitato.

# Esperantia Vivo

*Nekrologio.* — Ni kun bedaŭro eksciis la morton de S-ro leŭtenanto Mannevy, eksdelegito de U. E. A. en Condé (Francujo) kaj eksekretario de la Esp. grupo en la sama urbo. S-ro Mannevy mortis en la batalo de Mahidja (Maroko) la 9an de aprilo.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

La subaj anoncetoj pri Korespondado estas publikigataj sen garantio de ni pri regula respondo.

La personoj, kiuj deziras korespondi en daŭra maniero kaj havi garantiojn pri akurata respondo, aliĝu al la nova fako de U. E. A. « Universala Interŝanĝa Asocio » (kotizaĵo 0.50 Sm.), speciale starigita por faciligi la rilatojn inter korespondantoj kaj kolektistoj. La adresoj de la membroj de la Interŝanĝa Asocio estas publikigataj en la Interŝanĝa Bulteno.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.

Amiens (Francujo). — S-ro. Joseph Delplanque, 26 str. Jules Ba.ni, PI. bfl. PM.

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — F-ino Louise Haignéré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

Bruselo (Belgujo). — S-ro. Robert de Leener, 69 rue Neuve, PI. (nur kun skandinavoj, Balkanoj kaj neeŭropanoj) bfl.

Bruselo (Belgujo). — Sro. A. Mampaye, 55 rue Véronise, PM.

Bruselo (Belgujo). — Sro. G. Bruloot, rue Vauderlinden 172, (nur kun nord, sud kaj ne eŭropanoj).

Bruselo (Belgujo). — Sro. V. Lamberts, poste restante, PI, bfl. PM. (nur kun neeŭropanoj).

Bruselo (Belgujo). — Sro. J. Neybergh, 151, Avenue de Jette, PI. bfl. (kun alilanduloj).

Buŝtehrad 293 (Austrio, Bohemio). — Sro. A. Siska, PI. PM.

Deizisau b. Esslingen a N. (Germanujo). — Sro. Chr. Mozer, PI.

Dolm redice u Holic (Austrio, Bohemio). — Sro. Bed. Douak, instruisto. PI. (kun instruistoj).

Dorking (Anglujo, Surrey). — Sro. W. Marchand, 20 Rothes Road, Del. U. E. A (korespondi pri religiaj demandoj).

Elec (Rusujo, Orlov gub.). — Sro. A. Augustin, Novo Lipeckaja str., PM. PI. PK. L.

Fontenay (Francujo). — 157-e de ligne 3-me Cie, Jausiers Basses Alpes, PI. PM.

Funchal (Madejro). — Sro. Ed. Antonio Pestana, Pua da Carreira 99, PK. L.

Graville St. Honorine apud Le Havre (Francujo). — Sro. Henri Dubuisson, 12, rue Ernest Lefévre, PI. (respondas per vidajoj de plej grandaj kaj belaj francaj ŝipoj).

Krasno d/B Sklerne (Aŭstrio, Moravio). — Sro. Lsd. Hajda, PI. PM.

Losoncz (Hungarujo). — Sro. I. R. Sturman, Kossuth Lajos u., PI. PM.

Luck (Rusujo-Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.)

Mallorca (Hispanujo). — S-ro Antonio Barcelo G. de Parades-Consell, PI. L.

Montevideo (Urugay). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, PI., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

Omsk (Rusujo, Siberio). — Sro. Void. Gerasimoviĉ, Novovodoprovodnaja 44.

Peterburgo (Rusujo). — Sro. P. Tobi, Zabalkanskij pr. 6 lĝ. 7, PI. (kun neeŭropanoj).

Philadelphia (Usono). — Sro. Creston C. Coigne, 2157 E. Cumberland st., L. (pri budhismo kaj aziaj religioj; pri orienta psihologio.

Rio de Janeiro (Brazilujo). — Sro. Braulio de Morals, rua Bento Goncalves no. 50, Engenho de Dentro, PI.

Rio de Janeiro (Brazilujo). — Fino Cecilia Amelia de Oliveira, Encant. Muriqui 25, PI,

Rio de Janeiro (Brazilujo). — S-ro Humberto Chaves, rua Manuel Victorino no. 575, Piedade, PI.

Rio de Janeiro (Brazilujo). — S-ro. J. Augusto Chaves, rua Manuel Victorino, Nº 575, Piedade, PI.

Stuttgart-Cannstatt (Germanujo). — Sro. A. Rudolph, Bismarkstrato 58, PI.

Stuttart-Cannstatt (Germanujo). — Sro. K. Ziegler, Wiesenstrato 41, PI.

Troyes (Francujo). — S-ro Raoul Monpert, 1, rue de la Basse Charme, PI. L.

Villa Nova de Gaya (Portugalujo). — Sro. Rufiino Junior, PI. (nur kolorigitaj kun ĉiuj samideanoj).

Warnsdorf (Aŭstrio, Bohemio). — S-ro Karl Fischer, Kreditanstalt, PM. oficialajn PK. L.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ATENTU ! Riprezentantojn por miaj ĥemiaj fabrikaĵoj serĉas ĉiuloke, D-ro W. Arnold, Berlin N-o 54, Lothringerstr. 41.

---

ESPERANTISTOJ ATENTU : Ĉiuj devos posedi la bildon de la hejmo de Mark Twain, la fama Usona humoristo. Mi sendos tiun kontraŭ bela PI., el via loko. Observu ke la kolekto tiamaniere akirita estos uzata por propagando de Esperanto. (Prefere algluu la PM., sur la bildflankon). Skribu al : S ro R. Hilding, Del., U. E. A. 29, Chapel str., Hartford Ct. Usona.

---

ESPERSTENO : Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo : Sm. 0.50 (aŭ 5 responkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la Aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

---

GEEDZOJ J. PION-MULLER, 1º Faubourg Bretonnière, Beaune (Francujo, Côte-d'Or) akceptos dum somero junulinon deziruntan ellerni la francan lingvon. Familia vivado, brod, kudrarto, beleta urbo kun fama hospitalo, ĉarmaj ĉirkaŭaĵoj biciklete viziteblaj : petu la kondiĉojn.

---

GRAMAFONAJ DISKOJ : kun esperantaj tekstoj, bonega propagandilo. Oni turnu sin al ; Muzikeldonejo A. Besnard, 26 rue Antoinette. — Paris La ĝusta prezo estas 1,600 Sm. kaj ne 2 Sm.)

---

GVIDLIBRO DE BAD REICHENHALL (Germanujo) estas senpage ricevebla. Oni skribu al Kurverein Bad Reichenhall.

---

HANAU (Germanujo). — S-ro. Chr. Stoll, Rhœnstr. 4 kolektas ekspoziciajn kaj kongresajn sigelmarkojn. Li sendos laŭ deziro PI., PM., fotografaĵojn, gazetojn esp. aŭ nac. ktp.

---

INTERŜANĜO : Kelke da gesinjoroj deziras interŝanĝi PI. Oni sin turnu al S-ro. Paul Marquardt, Cüstrow Meklbg. (Germanujo). Neuestr. 16.

---

INTERŜANĜO : S-ro Vladimir Ludvik, fotografisto, en Vieno XV/1 Wurzbachg, 14-4 dez. interŝanĝi tutajn poŝtmarkojn aŭstriajn-hungarajn, levantajn, bosniajn kaj afrankos kun malgr. markoj en bloko.

---

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandaj interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. — Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso : Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

---

MAKLERISTOJN ONI PETAS : S-ro. Després, 17, Rue du Débarcadère Paris (Francujo) petas la esperantianojn konigi al li la nomojn de makleristoj vizitantaj ĉiulande la ladvendejojn, bazarojn kaj aliajn magazenojn de ciklaĵoj kaj vojaĝartikloj.

---

MI DEZIRAS AĈETI : « La Flago », « La Lumo », « La Idealo ». (ĉiuj el Kolombio), ĉiujn numerojn ; Juna Esperantisto (Genève) 1905 jarkolekto. H. T. Bailey, 31, Caversham Road, Kentish Town, London.

---

LA PACPARLAMENTO KAJ ĜIA ORGANIZO. — Informoj ktp. : Inf. Kapt. B. J. Klingenberg, Kristiana (Norvegujo) Sm. 0,15 (du responkuponaj) afrankite.

---

POŜKRAJONOJ kun pintigiloj kaj magazeno el diverskolora galalito surskribitaj « Samideano » po 50 Sd., kun plumo duaflanke 60 Sd. Ĉiuj Esperantistoj mendu ĝin ĉe « Societo Esperanto », Krakovo, Aŭstrio.

---

POŜTKARTOJ : Kaŭkazo kun siaj primitiva kaj pitoreska naturo kaj diverstipaj orientaj nacioj jam de longe altiras la atenton de multaj turistoj kaj interesiĝantoj. Nigra maro kaj urbo Batum, kun sia subtropika kreskaĵaro pruvas tion. Ĉiu samideano devas aĉeti belegajn *Poŝtkartojn* kolorigitajn kaj nigrajn, kiuj prezentas la maron, urbon Batum kaj ĝian ĉirkaŭaĵon. Ĉiuj pk. (140 diversaj) estas kun esperanta klariga teksto. Prezo : 100 ekz. kolorigitaj Sm. 5. — 100 ekz. nigraj Sm. 2,50. Adreso : Batum (Kaŭkazo), Poŝtkartejo H. T. Varjapetjan, Marinskij prospekt. Oni korespondas Esperante.

---

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hispanujo).

---

SERIOZA RIPREZENTADO. — Firmo kiu tion serĉas en Germanujo, por enkonduki iun ajn artikolon, donu adreson kun proponol al : H. Fischer, 48, Westwall, Krefeld, German. (Ili mem pagas vojaĝkostojn).

*La Administranto (Gérant) :* MICHAUD

**Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).**


